XXa jaro. No 287 (7) ☆ Monata ☆ Julio 1924

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

| JARA ABONO | | REKLAMO | |
|---|---|---|---|
| Simpla abono | 10.— Fr. Sv. | Anonco (unu centimetra kolonero) | 2.— Fr. Sv. |
| Kun la membreco de UEA | 12.50 Fr. Sv. | Anonceto (1 linio: 10 vortoj) | 0.50 Fr. Sv. |
| Unu numero | 1.— Fr. Sv. | Korespondado (1 enskribo) | 0.75 Fr. Sv. |

*Svisa poŝtĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en januaro*

*Vidu naciajn prezojn en la koncerna fako!*

FONDINTO: HECTOR HODLER GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT

ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENÈVE

*La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Lasta dato por ricevo: la 15a de ĉiu monato. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion*



## Por havi centran esperantistan radio-stacion.

Nia lingvo pli kaj pli disvastiĝas tra radio-rondoj kaj per radio-ondoj, sed, kiel en ĉiu alia fako, ni ne devas tro kalkuli je eksteraj apogoj. Por certigi, ke Esperanto estu regule aŭdata ĉiutage, eĉ du- aŭ trifoje en la tago, el stacio aŭdebla en tuta Eŭropo kiel la Londona aŭ la Pariza, la sola vojo estas, ke ni havu nian propran stacion.

Kia revo! kia utopio! ekkrios tuj kelkaj skeptikuloj. Ne. La afero estas tute ebla kaj, se ni vere volas ĝin, ni ĝin havos. Ĉu vi deziras kunhelpi? Jen la ebleco.

En Ĝenevo sidas la Ligo de Nacioj, la Internacia Labor-Oficejo, la Internacia Ruĝa Kruco, kiuj ŝatus uzi radio-stacion, eĉ pagante, kondiĉe, ke ĝi estu bone aŭdebla ĉie. La ĝisnuna Ĝeneva elsendejo estas ankoraŭ tro malforta. Tamen ĝi ricevas de la ŝtato altan kaj certan jarsubvencion.

Por aĉeti kaj plifortigi tiun stacion aŭ eĉ konstrui tute novan, vaste potencan, estus necese fondi societon kun kapitalo, kiu povus varii inter kvindek mil ĝis cent mil frankoj. La subvencio de la ŝtato garantias jam minimumon de 6 procentoj al la mono pruntota, sed oni povus eĉ kalkuli je pliaj enspezoj kaj la afero povus eĉ fariĝi tre profita por la pruntontoj. Jam bankoj estas pretaj subteni la ideon por iom gajni el ĝi.

Ĉu ekzistas en la mondo esperantistoj pretaj preni akciojn de tia societo kaj ricevi 6 procentojn garantiatajn per ŝtata subvencio, por ke ni havu sufiĉe da kapitalo por akiri fortan tuteŭropan radiostacion? Se jes, ili bonvolu tuj skribi al ni, dirante, kiom da akcioj je cent svisaj frankoj ili estus pretaj aĉeti. Laŭ la respondoj ni povos decidi ĉu fari ion, ĉu ne.

La entrepreno estas unu el la plej gravaj okazoj por sukcesigi nian aferon. Pensu al la fakto, ke centmiloj da aŭdantoj aŭdus ĉiutage nian lingvon kaj kutimiĝus je ĝia uzado. Pensu al niaj esperantistaj gazetservoj. En ĉiu lando la nacia societo zorgus, ke ĝia gazet-servo havu ricevaparaton kaj tiam la Ĝeneva centro povos disaŭdigi novaĵojn per simpla alparolo. Same iam la delegitoj de UEA posedos sian ricevilon kaj aŭskultos regule la parolatajn bultenojn de la centro.

Se ni ne prenos la entreprenon, aliaj ĝin kaptos. Kiu volas interesiĝi? Ne temas pri donaco, sed pri profitdona prunto kun garantio. Ni danke atendas respondojn.

*Edmond Privat.*

# EL ORIENTA SAĜO

## La instruo de Konfucio

de *W. Kenn.*

Tiom da eŭropanoj deziras scii pri Konfucianismo! Tiom da legantoj deziras legi pri ĝi artikolon! Estas vere malfacile paroli tie ĉi en unu aŭ du paĝoj pri la doktrino de Konfucio, tiom vasta kaj senlima, kiun oni ne povas bone esprimi en granda ĉapitro. Tamen la skribanto provas ĉerpi el sia penso kelkajn notojn, kiuj, li esperas, povas helpi al la legantoj kompreni iom facile parton de la doktrino de tiu ĉi granda filozofo orienta.

Oni scias, ke Konfucio ĉiam parolis pri moralo. El la granda listo de moraleco ni trovas la vortojn de fileco, frateco, sincereco, ĝentileco, honesteco, braveco, saĝeco ktp. ktp., sed la vorto la plej laŭdita de Konfucio estas *„jin"*. *„Jin"*, laŭ sia propra senco, signifas la nukleon aŭ la koron de frukto, sed laŭ la senco filozofia, ĝi signifas la superan virton la plej altan kaj perfektan. Estas tio, kion Konfucio rigardis kiel la maksimumon de moraleco, al kiu homo devas marŝi kiel al celo de sia agema vivo. Al unu disciplo demandanta pri la senco de *jin,* Konfucio respondis, ke oni devas „sin venki por reveni al ĝentileco". La „mi" estas ĉiam la kaŭzo de malbono. Unue ĝi estas facile sub la tento de ĉiuj malbonaĵoj, kaj plie, la subjektiva motivo por ĉiu agado ĉiam rompas la limon de paco, amo kaj ĝentileco. Kiam oni povas sin venki, sin subigi, sin kontroli, tiam signifas, ke li estas libera je malvirto, kaj plie, kiam lia penso, lia sento, lia konduto, lia vivmaniero estas konformaj al ĝentileco, oni povas diri, ke li revenas al *jin.* Al alia disciplo Konfucio, respondante, difinis la sencon de *jin* kiel „amo"; kaj al la tria li admonis, ke oni estu simpatia kaj tolerema, kaj ne faru al alia tion kion li ne volus, ke la aliaj faru al li mem. Li eĉ alvokis, ke oni neniam malhelpu *jin* por vivi, sed kontraŭe, por plenumi *jin* oni povus sin oferi kaj mortigi. Entute li predikis universalan revenon al *jin,* interne por la purigo de la koro kaj la vekiĝo de la konscienco, kaj ekstere por la justeco kaj ĝentileco de agado kaj la konformo de la vivmaniero al la morala leĝo. P-ro Tsai, en sia „Historio de Ĉina Etiko", diras: *„Jin* estas tio, kio unuigas kaj kunligas ĉian virton kaj perfektigas la homecon." Estas ĉia virto: filoj devas fileci, fratoj frateci, kaj homoj ami, sinceri, ĝentili, honesti, sed *jin* estas la plej malfacile atingebla. Tamen *jin* ne estas malproksima. Ni marŝu antaŭen, ni kuraĝiĝu, kaj rememoru la vortojn de Konfucio:

*„Mi deziras jin, do jin alvenas."*

我欲仁斯仁至矣

孔子

Ĝentileco, laŭ la opinio de eŭropanoj, estas neniam gravega afero, sed, kiam uzita en la libroj de Konfucio, ĝi prezentas pli grandan kaj pli gravan sencon. Ĝi estas la elmontro de la ekstera parto de *jin.* Por alveni al *jin* oni bone scias, ke oni interne devas purigi sian koron kaj vekigi sian konsciencon, sed ekstere kion ni faras? Laŭ la respondo de Konfucio al unu el siaj disciploj, ni ne devas aŭskulti ion malĝentilan, ni ne devas rigardi ion malĝentilan, ni ne devas diri ion malĝentilan kaj ni ne devas fari ion malĝentilan. Unuvorte, ĉio kion ni aŭskultas, ni rigardas, ni diras kaj ni faras, devas esti konforma al ĝentileco, tial ĝentilecon, laŭ tia senco, ni povas difini kiel la esprimon, la elmontron de la purigo de la koro kaj la vekiĝo de la konscienco. Ĉar la plej perfekta kulturo, diris Konfucio, centriĝas en la ĝentileco, poezio kaj muziko (laŭ tia senco poezio kaj muziko estas observataj ne kiel arto, sed kiel morala kulturaĵo).

* * *

Paco kaj toleremo ankaŭ estis multe laŭditaj de Konfucio, kaj tio depost du mil jaroj muldas multe la penson kaj la karakteron de la ĉina popolo. „Muziko kreas pacon". „Paco estas la plej karega." Sentencojn kiel tiajn li ofte eldiris, kaj unu el liaj disciploj sciigis, ke la eco de tia Majstro estis ĉiam kaj precipe simpatia kaj tolerema.

Konfucio ankaŭ persiste instigis nin studi. Per studo ni ekzamenas ĉian aferon en la mondo. Aferon ekzameninte, ni akiris precizan sciadon. Sciadon akirinte, nia penso estas korekta. La penso estante korekta, nia koro estas justa kaj rektigita. De la justeco de koro ni perfektigas nian personon. De la perfektigo de nia persono ni harmoniigas la familion, kaj de la harmonio de la familio, alvenas la prospero de la nacio, kaj poste la paco kaj feliĉeco de la tuta mondo.

* * *

Apud sia morala doktrino Konfucio fondis grandan principon de politika filozofio. Li celis regi ne politike sed morale. Li diris, ke la popolo, kiam regita per politiko kaj punado, estis ĉiam senhonta kaj malbona, sed, kiam regita per moralo kaj ĝentileco, ofte kondutis bone.

道之以政齊之以刑民免而無恥道之以德齊之以禮有恥且格

孔子

*„Kondukita per politiko kaj unuformigita per punado la popolo estas senhonta kaj faros ĉion por eviti la punadon, sed kondukita per moralo kaj unuformigita per ĝentileco la popolo estas hontsentema kaj kondutas bone."* *Konfucio.*

* * *

Li diris, ke ekzistas tri elementoj por subteni la nacion kaj la registaron: la riĉeco agrikultura, la forto de la armeo kaj la konfido de la popolo. Kiam li estis demandita, kiu el la tri elementoj estus la unue forlasota se li estus devigata tion fari, li respondis sen ŝanceliĝo, „l' armeo". „Kaj la due forlasota?" „La manĝaĵo! ĉar", li respondis, „oni nur mortas sen nutraĵo, sed la tuta nacio rompiĝos kiam oni perdas la konfidon de la popolo."

Rilate al la persona vivmaniero, la konduto de Konfucio estas, laŭ la rakonto de liaj disciploj, tute pura kaj modela. Filozofo kaj moralisto, li estis samtempe granda artisto, kaj krom cetero sin okupis multe je scienco kaj higieno. La detalon pri lia vivo oni povas legi en la „Kvar Libroj", jam tradukitaj en eŭropa lingvo, sed bedaŭrinde ĉiam malklaraj kaj malfacile kompreneblaj.

# HEJMA SCENO

de *Eduard Mörike.* Esperantigita de *Karl Minor*, L. K.

*Eduard Mörike, 1804—1875, poeto germana. Liaj poemoj estas tre ŝatataj kaj el ili multaj komponitaj en muziko. Aŭtobiografa romano „Pentristo Nolten“. Noveloj. Mortis 1875 en Stuttgart.*

Dormĉambro. Preceptoro[1]) Ciborio kaj lia juna edzino. La lumo estas estingita.

‚Ĉu vi jam dormas, edzino?‘ — „Ne!“ — ‚Ĉu vi hodiaŭ konfitis
  La kukumojn?‘ — „Ja jes!“ — ‚Kiom vi prenis vinagron?‘
„Ne du plenajn unuojn.“ — ‚Nu, he? preskaŭ du? kaj el kiu
  Kruĉ’? el la eta eĉ, tiu ĉe l’ korta fenestro?‘ —
„Certe! — ‚Malbenon! Do mi denove ekfaru la provon,
  Ĵus imaginte, ke nun mi la rezulton jam vidos!
Kial vi min ne demandis?‘ — „Vi estis ja en la lernejo.
  Kara tro longe ja jam tiuj kukumoj atendis.“ —
‚Prenu, mi diris al vi, numeron sep por mastrumo.‘ —
  „Ho, ĉiujn nombrojn mi ne en la memor’ povas teni!“ —
‚Sep estas tuj memorebla! Nenio pli simpla ol sep.
  Montras Araba la skrib’ grande ĝin sur la papero.‘ —
„Sed vi ja ŝanĝas laŭ suno la lokon de l’ kruĉ’ ĉe l’ fenestro
  Ĉiam, kaj ofte kuirad’ urĝas, kaj vane mi serĉus.
Via vinagrofarad’ nun fine min koleretigas.
  Mi ĝin eltenis kun kalm’, kvankam ja ne sen ĉagreno.
Ŝajnas al mi la ekstrem’, ke vi vin instalis, distilas
  Kaj boligas en la tro jam malvasta lavejo.
Ne tre volonte mi vidis, ke miajn rezedojn kaj rozojn
  Sur fenestra la bret’ via ujar’ anstataŭis.
Nun eĉ ĉirkaŭe de l’ domo, duone vestitaj per pajlo,
  Staras ĉe ĉiu fenestr’ vice la ventroj el vitro.
Kvar staras sur mia forno nun kiel baraĵ’; kaj por nova
  Prov’ en la tub’ de l’ kamen’ pendas eĉ tia monstraĵo.
Ni ridindiĝas . . pardonu!“ — ‚Nu, kio do, ni ridindiĝas?‘ —
  „Vi de l’ dekana edzin’ ja la parolojn ne aŭdis;
Mi kvazaŭ aŭdis lin mem en ĉiu parol’, la mokulon,
  Kiu, krom tio, bofrat’ estas de l’ pedagogarko[2]).“ —
‚Nu?‘ — „Fortikaĵo ŝi nomis la domon de la preceptoro
  Kaj la balkonon bastion’, ĉar ĉie staras *pafiloj*!“ —
‚Vanta klaĉado, envi’; al mi tamen restu dumvive
  Mia amata ĉeval’[3]), kiel al li, ŝia edzo.
Lin kanarioj ĝojigas kaj aro da birdobredejoj;
  Mia ŝategas la kor’, fari bonegan vinagron.‘

(Paŭzo. Li ŝajnas esti enpensa.
Ŝi parolas al si mem:)

„Mi lin kompatas ja jam: timigas lin mia minaco
  Pri la studkonsilant’, kiun li tute ne fidas.“

(Li daŭrigas:)

‚Mi kiel preceptoro ĉiame plenumis la devon;
  Tion ŝatata gradus’[4]) noveldonita ja pruvas.
Kiel, aliarilate, mi servos dum horoj liberaj
  Al la ŝtato kaj al kelkaj metioj estonte,
Ĉu ne profitojn mi gajnos por familianoj la miaj
  En venonta la temp’, tion mi nun ne profetu;
Sed min renkontu la homo volanta, ke sklav’-pedagogo
  Restu sen tia plezur’ kia vinagrofarado!
Kiu ĝin nomas stultaĵo kaj ridindaĵo — ĉu estas
  Ĉefinspektoro, ĉu eĉ pedagogark’ kaj rektoro!
Ha, tia ul’ min ataku! Jen mi! Li min trovos armita!
  Triobla bronza kiras’ ŝirmas min ĉirkaŭ la brusto!
Kio? vi ridas, edzino? Vi vane de mi tion kaŝas . .
  Kion vi havas? Ĉu vi mokas pri mi, stultulino?‘ —
„Kara, oreca, sensaĝa! Ho, kiu nun restus senrida?
  Ne, tian ardon mi ne en la vinagro supozis!“ —
‚For tiajn farsojn! Min kredu: al mi ja ne estas gajeme.‘ —
  „Ne ekkoleru; malpac’ baldaŭ ĉe ni reforiĝos.
Mi ja ne celas, de vi forrabi la solan plezuron;
  Mi ja komprenas, ke ĝi tro por vi estas gravega.
Se, de sur via katedro, vi tra la fenestro rigardas
  Trans la korteton al la ujoj, al via trezoro,
Kiam ĝin ore lumumas tagmeze la sunaj radioj,
  Ĝis fermentanta la vin’ laŭ via vol’ maturiĝis,
Tiam gajiĝas animo via en raraj la paŭzoj
  Pli ol per mia florar’ plej multkolora ĝi povis.
Kaj da tabako pipeto dum tiu agrabla rigardo
  Vin liberigas de la malplezureg’ de l’ ofico.
Eĉ de kiam vi mem per propra vinagro fabrikas
  Vian inkon kaj plu ĝin ne necesas aĉeti,
Ŝajnas al mi, ke la aron de la de l’ lernantoj kajeroj
  Vi ree amas, ĉar vi flaras konatan odoron.
Tion al vi mi enviu? Sed tamen: vi iom troigas.
  *”Estu* — jen via proverb’ — *lim’ ĉe labor’ kaj plezuro!”* “ —
‚Lasu! Se mia farado vin iam estigos riĉega . .‘ —
  „Tion vi diris ja jam ankaŭ pri l’ silkkulturado.“ —
‚Ĉu estas mia la kulpo, ke tiam la raŭpoj mortaĉis?‘ —
  „Ankaŭ ja estas danĝer’ en via nova afero!“ —
‚Vi la renomon, honoron do tute ne konsideras!‘ —
  „Estis sufiĉa honor’ antaŭ l’ vinagrofarado!“ —
‚Membro-korespondanto de tri klubegoj mi estas!‘ —
  „Sed ne unu de vi kelke da kruĉoj aĉetis!“ —
‚Mankas al vi la kompreno pri laŭracia klopodo.‘ —
  „De post kiam ĝin vi havas, ne taŭgas salato.“ —
‚Ĉiuj specoj de mia vinagro estas bonegaj.‘ —
  „Specojn sep mi kaj naŭ konas kaj ilin — ne laŭdas.“ —
‚Ŝajne hodiaŭ vi emas, kun mi diskuti per versoj.‘ —
  „Ĉu ne ankaŭ ĝis nun vi ĉiam versojn parolis?“ —
‚Jen prefer’ de fakulo; ĉu vi fuŝapliki ĝin rajtas?‘ —
  „Kontraŭ vol’, kiel vi, ritmon klasikan mi uzas.“ —
‚Pene de mi vi ĝin lernis, por spici sengravan babilon.‘ —
  „Fakte: por seriozaĵ’ ege malbone ĝi taŭgas.“ —
‚Do: mi ĝin nun malpermesas; vi kantu laŭ via beko.‘ —
  „Vidu ni, kiel de nun proz’ kun distiko pariĝos.“ —
‚Ho, ni finu! Ĉar stulte estas, kun inoj diskuti.‘ —
  „Stulta estas laŭ mi via vinagrofarado!“ —
‚Pentametro la via ja tamen ree aŭdiĝas!‘ —
  „Heksametro de vi nepre ĝin ja postulegas.“ —
‚Tial ĝi plaĉas al vi, ĉar ĝi vorton finan havigas;
  Estu! Mi ĵuras: de mi vi mian lastan nun aŭdis!‘ —
„Bone: do heksametro restu staranta tutsola!“ —

(Paŭzo. La edzo maltrankviliĝas, ĉar evidente lin turmentas, ke la distiko ne estos kompletigita, kaj ke li mem ne povos ĝin kompletigi. Post iom da tempo la edzino helpas al li kun rido, dirante:)

„Kara! pardonu al mi: via vinagro ja taŭgas.
Se eĉ pli bone, estonte, ĝi estos, jen vere ja sole
  Via merito, ĉar vi havas paceman edzinon.“ —

(Li — same elkore ridante kaj ŝin kisante —:)

‚Morgaŭ mi senkruĉigos tuj ĉiujn antaŭajn fenestrojn,
  Kaj en la tub’ de l’ kamen’ sole parados la ŝinkoj!‘

1) instruisto. — 2) plej alta superulo de la instruistaro. — 3) vidu Zamenhof: „Proverbaro Esperanta“, N-ro 1064. aŭ Minor: „Deutsche Redensarten in Esperanto“, N-ro 388: „Ĉiu havas sian amatan ĉevaleton“. — 4) Laŭ „Gradus ad Parnassum“, titolo de helplibro por latinlingva versfarado, preceptoro Ciborio nomas „graduso“ eldonitan de li samspecan verkon. *K. M.*

# TRA LA LIBRARO.

Detala raporto pri iu publikaĵo okupis tro ampleksan lokon en nia gazeto. Estonte la eldonaĵoj estos bibliografie notataj en la rubriko „Novaj libroj“. Sub titolo: „Tra la libraro“ aperos ne plenaj sciencaj prilingvaj recenzoj, ĉar multaj aliaj gazetoj jam daŭre komisiis al lertaj kunlaborantoj tiun tre utilan laboron, sed pli simplaj ĝeneralaj impresoj de nura leganto, celanta informi aliajn legantojn pri la enhavo de la plej rimarkindaj novaperintaj verkoj.

**La Familio Gerak. — Modernaj Robinzonoj. — Amaj Poemoj. — La Prepozicioj de Esperanto. — De la Gorilo al la Politikisto. — Diversaj verkoj. — Zamenhof'aj reeldonoj. — Estonaj noveloj. — Al Eterna Paco. — La Reĝo Lear. — Artaĵo. — Vortaroj.**

*

Tre interesa legaĵo estas *„La familo Gerak“*, rakonto de bulgara beletristo Elin-Pelin (trad. A. Atanasov). Ĝi estas tipa priskribo de vilaĝana moro kun temo pri maldolĉa disiĝo de familio. La patro iom post iom estas senigita je estreco kaj havo de siaj malbonaj filoj, kiuj cetere ĵaluze malamas unu la alian. Ĝi memorigas pri la plej karakteraj kampulaj romanoj aŭ noveloj de Balzac aŭ Maupassant en franca lingvo; ĝi meritas legon kaj meritis esperantigon. Ĉi tiu estas tre bona. Oni rimarkos la komunan uzon de l' pronomo „ci“, de l' sufikso „oz“, de verboj en „emi“, kiel „restemis, drinkemiĝis, kredemis, foremis“, kaj novajn vortojn ne ĉiuj aprobindajn: „tenere, arozi konkubinulino, fantasta, bunta, provoki“.

*

Kiu ŝatas maloftajn sed verajn aventurojn, tiu promenu en la siberia praarbaro kun la „Modernaj Robinzonoj“ de Teodoro Schwarz. Li ekscios, kiel vivis militkaptitoj en Orienta Siberio, kiel ili decidis forkuri, kiel la projekto efektiviĝis, kiel oni transiras riverojn kaj arbaron, kiel oni renkontas necivilizitajn gentojn, kiel teruraj malamikoj estas muŝoj kaj kuloj, kiel oni flosas sur rivero ktp. Ĉio tio, kaj multo pli, estas raportita kun sentebla sincereco en tre bona vigla stilo. La verko jam estis ŝate akceptata kiel felietono en „Literatura Mondo“; ĝia eldono en libreto ebligos al ĝi trovi kaj kontentigi pli nombran legantaron.

*

Deko da originalaj versaĵoj kaj ok verstradukoj estas de S-ro J. Grau Casas kolektitaj sub la titolo *„Amaj Poemoj“*. Ne novan, neniam aŭditan muzikon, ili sonigas; sed agrablan melodion lulantan per amaj revoj aŭ rememoroj. Tute korekte kaj ofte lerte verkitaj, do jam tial valoraj, estas la versoj; ili malsimilas la komunan esperantan versfaradon en tio, ke ne la ritmo de akcentataj kaj neakcentataj silaboj regas ilin, sed ke, laŭ la latindevenaj lingvoj, nur la nombro de silaboj, kaj la rimoj kompreneble, estas regulaj.

*

Sub la titolo *„Die Verhältniswörter des Esperanto“* S-ro E. Wüster publikigis tre plenan sciencan verkon pri la prepozicioj de Esperanto kaj ilia uzo, ĉu solaj, ĉu en kunmetitaj vortoj. Tiu traktaĵo estas ĝenerala parto de elstudado, kies apartaj eroj estas la diversaj artikoloj pri ĉiu prepozicio troveblaj en la Enciklopedia Vortaro de l' sama aŭtoro. Oni miros, kiom da intereso kaj utilo oni povas eltiri el ŝajne teoriaj kaj pure gramatikaj esploroj. Ne malpli atendindaj estas la rimedoj proponitaj por reguligi la iom malordan uzon de prepozicioj en iliaj diversaj signifoj. Oni nur povas bedaŭri, ke tia laboro ne estas esperante verkita; ĝi ja ne estas speciale interesa por neesperantistaj germanoj, sed ĝi estus tre valora dokumento por ĉiulingvaj esperantistoj; tial la elekto de l' germana lingvo ŝajnas duoble maltrafa.

*

Stranga titolo estas „Du gorille à l'homme d' Etat“. (De la gorilo al la Politikisto.) Kaj stranga miksaĵo de paradoksoj, veraĵoj, duonveraĵoj, eraroj kaj senbazaj juĝoj, estas la enhavo de tiu franclingva libro. Se ĝi iel povas interesi nin estas, ke en unu ĉapitro la aŭtoro parolas pri la diverseco de l'lingvoj naturaj, ilia deveno, iliaj artefaritaj partoj, iliaj malfaciloj kaj mallogikaĵoj, la baro interpopola kiun ili kreas, la neceseco de komuna lingvo, kaj en dua ĉapitro estas dirataj la meritoj de Esperanto, ĝia supereco kiel internacia lingvo super vivanta aŭ latina, ĝia riĉeco, la opinioj pri ĝi de kelkaj famuloj. La firma kredo de l' aŭtoro en la venko de Esperanto estas eksterduba, sed la akreco de lia stilo, la malfirma argumentado kontraŭ ĉiuj opinioj ĝenerale akceptataj, kaj la kunesto de l' aliaj ofte reakciemaj ĉapitroj de tiu libro malhelpos, ke la pledo por Esperanto estu serioze taksata, atingu multajn mediojn kaj estu tre efika.

*

Pli detale ol en „For la Neŭtralismon“ estas klarigata en „A. B. C. de Sennaciismo“ la esenco kaj celo de tiu movado. La malbonon de l' nuna sociordo, ĝian militemon, ne povos kuraci ideala internaciismo nek konservema naciismo. La aŭtoro opinias, ke nur sociala revolucio kontraŭ kapitalismo kaj malapero de l' nacioj en tutmondan sennaciecan kulturon bezonantan internacian lingvon kondukos nin al la anoncataj tempoj de harmonio.

*

Estu ankoraŭ mallonge menciataj kelkaj verkoj.

*„La morto de la delegito de UEA“* estas originalaĵo de N. Hohlov. Humora aŭ eĉ burleska, kun ŝercoj pri esperantistaj kutimoj, ĝiaj plej amuzaj scenoj devenas de ŝajne mortinta delegito kiu kaŝaŭdas la funebrantojn kaj kiu poste anstataŭas sin mem per ĵus alveninta negro ebrie endorminta.

*„Ŝolandro“* estas specimeno de nuntempa germana literaturo. La parto de la verko de Waldemar Bonsels, tradukita de Ed. Sós rakontas la renkonton de iu memanalizema junulo kun stranga, kvazaŭ genia sentaŭgulo, kaj la reciprokan impreson de iliaj propraj karakteroj. Ĉu pro tio ke ni havas nur ĉapitron de verko, ĉu pro la serĉo al psikologiaj portretoj, ĉu pro la nuba stilo de l' originalo, la lego de Ŝolandro lasas la spiriton iom konfuza.

*

La Pariza Esperanta Librejo zorgas la utilan taskon reeldoni la elĉerpitajn verkojn de Zamenhof. Ili ja estas por ni klasikaĵoj, kiujn ĉiu vera esperantisto devas legi kaj deziras posedi. Lastatempe estis represataj tri el tiuj libroj. *Georgo Dandin,*[1] la amuza komedio de Molière, eble ne estas ĉefverko de la genia komediisto, ĝi tamen liveras al fremdaj legantoj bonan ideon pri la komikeco kaj spriteco de l' aŭtoro. Por franclingvanoj tre interesa estas la komparo inter la originalaĵo kaj la traduko. Certe, en kelkaj lokoj, spertulo en lingvaj demandoj penus alimaniere esperantigi pensnuancojn, sed ĝenerale oni devas konfesi, ke Zamenhof tradukis precize kaj ĉefe ĉiam tre komprenebłe. *La Rabeno de Baĥaraĥ*[1]) kaj *La Gimnazio*[1]) estas

1) Esperantista Centra Librejo, Paris.

kunigitaj en unu volumo; ili estas bonaj specimenoj de la literaturoj germana de Heine kaj novhebrea de Ŝalom Alejĥem, la unua kun romantikaj priskriboj de la hebrea vivo en germanaj urboj dum la mezepoko, la dua amuza monologo de edzo per nazpinto kondukata de la edzino. Dua eldono devus esti senerara; malfeliĉe tro da preseraroj restis en ĉi tiu numero de ĝenerale tre zorge korektita kolekto. Fine *Marta,*[1]) romano de Eliza Orzeszko, estas la plej ampleksa kaj la plej grava el la tri libroj. Ne tre novmoda, sed ĉiam kortuŝanta estas la priskribo pri la malgaja vivado de malfeliĉa vidvino kaj patrino. De ĉiuj forpelata, trovanta neniun vivrimedon, falanta en profunda korpa kaj spirita mizerego, eĉ ŝiaj beleco kaj honesteco fariĝas al ŝi malutilaj. Ĉu la pentraĵo ne estas iom tro nigre kolorigita? Ĉu la pledado al pli justa rekono de l' virina ekzistrajto ne estas iom insista? Tion kelkaj eble opinios. Sed nedubebla estas la arta kaj homa valoro de l' historio kaj la taŭgeco de ĝia traduko.

*

Pli spicaĵoj, pli mirigaj, estas la du noveloj de Friedebert Tuglas, tradukitaj el estona lingvo de H. Seppik. Francoj konas poemon de Baudelaire, en kiu estas loge prezentataj la amludoj kun gigantino. Angloj konas la famajn aventurojn de Gordon Pym, en kiuj Poe transportas nin en alian neteran mondon. Ambaŭ tiuj strangaĵoj ŝajnas la inspirintoj de la aŭtoro de *En la fino de la Mondo.*[2]) Kun streĉita spirito kaj angoro ni akompanas la junan ŝipiston, aŭdas la teruran tempeston, eniras la neniaĵon kaj alvenas al la transa mondo, kie la stelaroj aperas renversite, albordiĝas al la insuloj kovritaj de fabela kreskaĵo, renkontas la neparolantajn sed el okuloj divenantajn gigantojn, suferas la ardan pasion de l' vivmanĝantino. Vera inkubsonĝo kaj samtempe simbola kreaĵo pri la neatingeblo, tia estas tiu tre lerte verkita kaj tradukita rakonto. Rimarkeblaj en ĝi estas multaj senpere formitaj verboj kiel: blankis, verdis, nigris, bluis, flavis, kaj ankaŭ aromis, kupolis, kultis ktp. *Popi kaj Huhuu*[2]) havas ankaŭ eksterordinaran temon; ĝi estas la historio de hundo kaj simio. La Sinjoro, tio estas la homo, ne revenis. Iom post iom la simio anstataŭaĉas sian mastron kaj la hundo fine submetiĝas al la nova estro. Ĉio finiĝas kiam la simio ebriiĝinte trovas bombon, eksplodigas ĝin kaj ĉion detruas. Sed tiu kelkvorta resumo ne povas redoni la akutan analizemon kaj penetremon en la bestajn animojn, montratajn de la aŭtoro en tiu kruela satiro.

*

La traduko de la filozofia verko de Imanuel Kant *Al la eterna Paco*[3]) estos bonvenata pro pluraj motivoj. Unue, oni festis en ĉiuj landoj tiun ĉi jaron la ducentjaran naskiĝdaton de l' granda raciulo; due, apero de grava scienca studo en nia lingvo estas por si mem ĝojiga fakto; trie, la penso de l' geniulo en tiu lia verko ja mirinde kuniĝas kun la interna ideo de nia movado; kaj fine la traduko de P. Christaller, la preso kaj eldono de l' libro estas tute indaj je l' traktaĵo. Al ŝatantoj de serioza rezonado plaĉos la studo de l' fama filozofo.

*

Ne malpli atentinda estas la presigo en Esperanto de unu el la majstraĵoj de Shakespeare *La Reĝo Lear.*[4]) Ni jam havis la Hamleton de Zamenhof. Nun A. L. Curry kaj A. J. Ashley kuraĝis entrepreni tradukon de l' terura tragedio. Certe laŭ precizeco kaj alĝustigo al la originalo superas la anglaj tradukintoj, sed kion ili gajnas je fideleco, tion ili perdas je facileco kaj komprenebleco. Traduki laŭverse kaj laŭvorte tian verkon, kiu eĉ en la originalo havas malklarajn partojn, ŝajnas respekta ago pri unuaranga geniulo kaj klasika verko; plie tia malfacila laboro estas utila por studemuloj, aŭ por komparo kun diverslingvaj tradukoj; sed la legado fariĝas peniga, por neklerulo ĝi estas preskaŭ deĉifrado kaj tio malhelpos, ke la traduko fariĝu populara kaj ŝatata de l' ordinara legantaro.

*

Jam estis eldonita grandformata albumo kun bildoj de gravuraĵoj aŭ pentraĵoj de *Albrecht Dürer.*[5]) Sama libro, malpli ampleksa, kun 28 bildoj montrantaj la diversfakan talenton de l' granda artisto ree aperas kun klarigoj kaj biografio verkitaj de Hans Koch. La tuto, teksto kaj ilustraĵoj, formas verketon luksan kaj tre plaĉan, ĉiel laŭdindan. Kolekto da tiaj albumoj pri aliaj majstroj certe renkontus ĝeneralan bonan akcepton.

*

Oni ne povas silenti pri apero de du grandaj vortaroj naci-lingvaj-esperantaj. La *Finna*[6]) de V. Setälä, tre detala, kun pli ol okcent paĝoj de iom stranga formato, ŝajnas bonega kaj fidinda laborilo. Cetere la helpo de multaj kunlaborintoj jam garantias preskaŭ devigan senpartiecon kaj fundamentecon. Certe multaj pli nombraj nacioj ne ankoraŭ posedas tian gravan vortaron.

La samon oni ne povas diri pri la *Itala*[7]) de G. Meazzini, precipe pro la aldonoj kun sciencaj esprimoj kaj propraj nomoj. Al la aŭtoro oni tute ĝuste povas direkti la riproĉon, kiun prave S-ro Grosjean-Maupin faras al idistoj en bonega artikolo antaŭ nelonge publikigita en Esperanto-Triumfonta. Ĝi estas, ke la tuja komprenebleco, aŭ pli ĝuste divenebleco, de Ido kiel de la tro multaj neologismoj akceptataj de S-ro Meazzini, koncernas nur la poliglotulojn. Sed kiel diris la majstro: „Tute ne estas bezone, ke, kiel opinias multaj pli novaj projektistoj, la instruitaj lingvistoj povu tuj kompreni tekston skribitan en lingvo internacia. En tia afero la instruitaj lingvistoj ludas la lastan rolon, ĉar por ili ja tia lingvo estas malplej bezona."

15 junio 1924. G. S.

## Novaj libroj.

**Du Gorille à l'homme d'etat.** Etude sur le paupérisme intellectuel. (De la Gorilo al la Politikisto. Studo pri la intelekta mizero.) *Vicomte de Z.* 1924.
Aux éditions Rhéa, 21 rue Cujas, Paris 5-e.
388 paĝoj, 13×18 cm. Prezo: 7,50 fr. fr.

**ABC de Sennaciismo.** *V. Elsudo.* 1924. Eldona fako kooperativa de Sennacieca Asocio Tutmonda, Düsseldorf-Leipzig.
60 paĝoj, 12×18 cm. Prezo: 0,75 sv. fr.

**La morto de la delegito de UEA.** Originala komedio el la vivo de esperantistoj. 1924. *Nikolao Hohlov.*
Presejo C. Albrecht, Zagreb, Jugoslavio.
36 paĝoj, $11^1/_2$×15 cm. Prezo: 0,40 sv. fr.

1) Esperantista Centra Librejo, Paris.
2) Eld. M. Tamverk, Haapsalu-Estonio.
3) Eld. La Batalanto, D-ro W. Fricke.
4) Eld. de la tradukintoj.
5) Eld. Oskar Ziegler, Deisenhofen bei München.
6) Helsingissä Kustanusosakeyhtiö, Otava.
7) Eld. Raffaello Giusti, Livorno.

**Ŝolandro.** *Waldemar Bonsels.* Tradukis *D-ro Edmund Sós.* (Nova Biblioteko Esperanto N-ro 2).
Verlag Paul Knepler, 1, Lichtensteg I, Wien.
48 paĝoj, 14×20 cm. Prezo ne montrita.

**Az Esperanto nyelvtana hat leckében** összeállitotta *D-ro Bánó Miklós.* (Esperanta gramatiko en ses lecionoj).
Hungara Esperanto-Instituto, Budapest VI, Eötvös-utca3
56 paĝoj, 7½×11½ cm. Prezo: 0,20 sv. fr.

**Foiro de Frankfurt,** 6—12 aprilo 1924. Prospekto je 8 paĝoj, 26½×16 cm.

**Marta.** *Eliza Orzeszko.* Rakonto el pola lingvo, kun permeso de l' aŭtorino tradukis *D-ro L. L. Zamenhof.* 2-a eldono. (Esperanta verkaro de D-ro Zamenhof.)
Esperantista Centra Librejo, 51 rue de Clichy, Paris 9e.
238 paĝoj, 15×21 cm. Prezo: 10 fr. fr.

**Georgo Dandin.** *Molière.* Komedio en tri aktoj. El la franca lingvo tradukis *D-ro L. L. Zamenhof.* 2-a eldono. (Esperanta verkaro de D-ro Zamenhof.)
Esperantista Centra Librejo, 51 rue de Clichy, Paris 9e.
52 paĝoj, 15×21 cm. Prezo: 3 fr. fr.

**La Rabeno de Baĥaraĥ.** *H. Heine.* **La Gimnazio.** *Ŝalom Alejĥem.* Tradukis la 1-an verkon el germana, la 2-an el la hebrea lingvo *D-ro L. L. Zamenhof.* (Esperanta verkaro de D-ro Zamenhof.)
Esperantista Centra Librejo, 51 rue de Clichy, Paris 9e.
68 paĝoj, 15×21 cm. Prezo: 4 fr. fr.

**First steps in Esperanto.** A simple textbook for English-speaking beginners by *Montagu C. Butler.* Second edition 1924. Obtainable from The British Esperanto Association, 17 Hart Street, W. C. 1, London.
158 paĝoj, 12×18½ cm. Prezo: 9 pencoj.

**En la fino de la mondo.** *Friedebert Tuglas.* El la estona lingvo tradukis *Henriko Seppik.*
Eldonejo M. Tamverk, Haapsalu-Estonio.
56 paĝoj, 13½×20½ cm. Prezo: 1 sv. fr.

**Svislando.** Kun poŝtaŭtomobila servado sur la Alpo-stratoj.
Eldono de Svisa Esperanto-Propagando-Servo, P. K. 174, Transit, Bern.
48 paĝoj, 11×14 cm. (Prospekto ilustrita.)

**Al eterna paco.** Filozofia traktaĵo de *Imanuel Kant.* Tradukita de *P. Christaller,* akademiano.
Eldonejo: „La Batalanto", D-ro Fricke.
88 paĝoj, 12½×18½ cm. Prezo ne montrita.

**La tragedio de Reĝo Lear** de *William Shakespeare.* El la angla lingvo tradukis *H. L. Curry* kaj *A. J. Ashley.* 1924.
172 paĝoj, 12½×18½ cm. Prezo ne montrita.

**Taydellinen Suomi-Esperanto Sanakirja.** (Plena vortaro Finna-esperanta). *Vilho Setälä.*
Helsingissä Kustannusosekeyhtiö Otava.
832 paĝoj, 8×17 cm. Prezo: broŝ. 40 mk. f., bind. 52 mk. f.

**Dizionario Italiano-Esperanto** di *G. Meazzini.* Terza edizione.
Raffaello Giusti, Editore, Livorno.
442 paĝoj, 9½×14 cm. Prezo: bind. 10 lir.

**Popi kaj Huhuu.** Novelo. *Friedebert Tuglas.* El la estona lingvo tradukis *Henriko Seppik.* Rekomendita de E. L. A.
Eldonejo M. Tamverk, Haapsalu, Estonio.
32 paĝoj, 14×20½ cm. Prezo ne montrita.

**Najtingala Ĝardeno.** Poemo. *Aleksandro Blok.* El la rusa lingvo tradukis *N. V. Nekrasov.* Rekomendita de E. L. A. 1924, „La Nova Epoko", I a Tverskaja Jamskaja 35, kv. 5. Moskvo.
16 paĝoj, 12×15 cm. Prezo: 0,40 fr. sv.

**Albrecht Dürer.** 28 bildoj kun biografio kaj klarigoj de *Hans Koch.* 1924.
Sudgermana Esperanto-Eldonejo, Oskar Ziegler, Diesenhofen bei München.
48 paĝoj, 14½×22 cm. Prezo ne montrita.

**La Regno de l' Vero.** Fabelo por grandaj homoj. El la rusa lingvo tradukis *Albert M. Kolmer.* 1924.
Esp. Oficejo, 607 Breitmeyer Bldg. Detroit, Mich. Usono.
24 paĝoj, 10×13 cm. Prezo: 20 c.

**Il valore e l' Esperienza dell' Esperanto nella Scuola.** D-ro P-ro *Umberti Toschi.* 1924.
Verona. Officio Libraro delle Federazione Esperantista Italiana.
28 paĝoj, 17×24½ cm. Prezo: 2 lir.

**Dizionario Esperanto-Italiano** di *G. Puccinelli.* Terza edizione con appendice di nuovi vocaboli.
Editore Raffaello Giusti, Livorno.
248 paĝoj, 9½×13½ cm. Prezo: bind. 7,50 lire.

**Kriminologio.** *D-ro Rustem Vámbéry.* Tradukis el hungara *D-ro V. Toth,* polickonceptisto. 1924.
Hungara Esperanto-Instituto, Eötvös-V. 3, Budapest VI.
86 paĝoj, 11×16 cm. Prezo: 1,50 oraj kr. (0,30 dol.)

**Eŭropo ĉe la abismo.** *Francesco Nitti* (iama ministrara prezidanto). Esperanto-traduko de *Robert Kreuz.* Kun speciala antaŭparolo kaj bildo de la aŭtoro. 1924.
Frankfurter Societäts-Druckerei, Frankfurt am Main, Germanujo.
180 paĝoj, 14½×21½ cm. Prezo: 3 ormarkoj.

**Esperanto and its critics.** An examination of some idist objections. *W. E. Collinson,* prof., University of Liverpool.
Neill and Co. Ltd., Edinburgh.
12 paĝoj, 14×22 cm. Prezo ne montrita.

**Sonorilludoj Mechelen.** Prospekto pri koncertoj de Jcf. Denyn's en 1924; teksto franca, angla kaj esperanta.
48 paĝoj, 12×21 cm. Prezo: 1,25 fr. belg.

**Koncerta kantaro,** 1-a parto. Simplaj kantoj kun facila akompano de fortepiano. Tradukinto de la tekstoj *Jan Ziermans.* Eldonita de *P. C. Brederode* kaj *K. Veldkamp.*
Eldonejo P. Noordhoff, Groningen, Holando.
80 paĝoj, 20½×28 cm. Prezo: broŝ. 5 sv. fr. aŭ 2,50 hol. guld., bind. 7 sv. fr. aŭ 3,50 hol. guld.

---

## Afranku sufiĉe viajn sendaĵojn al UEA!

Ni rifuzas la ne ĝuste afrankitajn leterojn.
La plitakso estas la plej alta en Svislando.

---

 RADIO-SCIENCO 

# Por kompreni T. S. F.

de *Baudry de Saunier.*

## Antaŭparolo de lia verko „Initiation à la T. S. F."

Trad. *Ernest Archdeacon.*

Baudry de Saunier estas, de jam 35 jaroj, la plej klera kaj klara vulgarizanto de novaj sciencaj progresoj. Jam en 1891, li eldonis verkojn pri la ciklo-sporto kaj scienco, kiuj estis kaj restas nun klasikaj kompendioj pri la temo.

Poste li sinsekve eldonis multajn librojn pri aŭtomobilo, kiuj verŝajne estis neniam egalitaj por komprenigi al ĉiuj, eĉ ne kleruloj, la detalojn de la novaj maŝinoj. Li ankaŭ kreis kvin gravajn revuojn por cikloj kaj aŭtomobiloj; li ankoraŭ nun estas ĉefredaktoro de „Omnia", de la „Revuo de la franca Touring Klubo", de grava eldonado de sciencaj vulgarigaj libroj, ktp. Krom tio, li eldonis librojn pri alkoholo kiel brulŝtofo por la motoroj, pri la kanono 75; lia lasttempa pri la T. S. F., estas eble lia ĉefverko, kies antaŭparolon, ni ĵus presas ĉi-sube. Neniu pli bone ol Baudry de Saunier kapablis komprenigi al la amaso tiujn fenomenojn kiujn la plej fortikaj cerboj nur tre malfacile sukcesas ekkapti.

La fenomenoj de senfadena telegrafio, kiu nun tiel ekscitas la popolan entuziasmon, ŝajnas al preskaŭ ĉiuj personoj esti, certe, la plej eksterordinara spektaklo, ĉe kiu viro kvindekjara iam povis ĉeesti.

Kaj tamen tiu ĉi viro, dum sia tuta vivo, konstatis, ke la scienco produktis senhalte novajn mirindaĵojn. Dum sia tuta vivo li admiregadis tiujn miraklojn.

Li vidis per la fotografado, la lumon, post unu centono da sekundo desegnanta sur la gelatenaj filmoj, portretojn kaj pejzaĝajn vidaĵojn, (plenaj de detaloj kaj kun naturaj koloroj) pli fidelaj ol kion artisto iam sukcesis pentri post multaj semajnoj da laboro; li vidis tiujn portretojn kaj pejzaĝojn, prenantaj, per la kinematografado, la movon mem de la naturo.

La elektroscienco subite montris al li rimedojn por krei lumon sen iu ajn flamo, hejtigi siajn fornojn sen fajro, transsendi la parolon per la telefono, sur du kupraj fadenoj, aliformigi la akvofalojn en pluraj miloj de ĉevalfortoj, kiuj movigas la tramojn kaj vagonarojn.

Per la bicikledo, sur du radetoj, li sukcesis kuri pli rapide kaj longtempe ol iu ajn besto. Poste, li vidis la veturilojn aŭtomate kurantajn sur la vojoj: kvankam pezante ofte pli ol 2000 kilogramojn, ili apenaŭ lasas postsignojn de la radoj sur la neĝo kaj la moviĝema sablo, kiam li, kiu pezas nur 70 kg enŝovas sin en ili ĝis la zono. Nun ekzistas veturilegoj, kiuj flugas je 1800 metroj da alteco, multe pli alte kaj rapide ol la birdoj.

La mondo de la mikroboj larĝe malfermiĝis al la homoj depost kiam Pasteur ĝin geniege malkovradis: hodiaŭ oni altrudas iun laboron al mikrobo kiel al bovo, oni ordonas al ĝi produkti kreskaĵojn, panon, vinon, alkoholon, ledon, fromaĝon, laŭ la formulo de ni elektita; oni scias senpotencigi la malbonfaremajn bakteriojn.

La mirindaĵoj eksplodas ĉiuloke kaj senĉese depost kvindek jaroj.

Vere, en tiu listo, tute nekompleta, de la mirakloj kies spektaklon la lasta jarcento havis, kiu fenomeno superas la senfadenajn eksperimentojn pri la mirego, kiun ĝi komence produktis ĉe ni? Sed ni iom post iom alkutimiĝis al ĝi. Poste ni opiniis, ke estus neeble vivi sen ĝi.

La mirakloj baldaŭ fariĝas banalaĵoj; ili ŝajnas al ni eksterordinaraj nur dum la tempo necesa por fariĝi ordinaraj.

La senfadena scienco estas do por ni ĉiuj la venanta miraklo. Kaj ĝi estas efektive grandega nova revolucio nun komencanta. De nun, en ia ajn loko kie vi estas, oni povas de ia ajn alia loko sendi al vi tra la etero, sen iu intermetita fadeno, signalon, frazon, paroladon, eĉ koncerton. Tio estas pli malpli facila laŭ la cirkonstancoj, sed preskaŭ ĉiam ebla.

Por provi la komprenadon de tiuj fenomenoj, ni devas komence akiri la necesan spiritstaton kaj starigi nian diskutadon sur iom alta regiono. El iu supraĵo oni pli bone ampleksas la fenomenojn kaj iliajn interligojn, kiel la serpentumadoj de la riveregoj kaj vojoj kiuj interkunigas la urbojn.

### Ni estu humilaj.

Ni estas konstatontaj faktojn, kiujn niaj sentorganoj estas tute ne kapablaj registri. Nia unua devo estas nin konvinki pri la absoluta nekapableco de la homa organismo por mezuri la fenomenojn de la vivo. Mi ne volas fari predikadon pri humileco al miaj gefratoj kaj al mi mem, sed por kompreni ke, se ni sincere kaj definitive abdikus iun ajn fierecon, ni ne plu emus opinii neverŝajna iun fenomenon pro la nura motivo, ke nia nerva sistemo ne ĝin registras.

Ekzemple: tial ke ni konstatos ondojn, kiujn iu elektra eksplodeto ĵetegas laŭ la rapidumo de 300.000 kilometroj posekunde, trairante la tutan planedon, (ni, kiuj kutimas taksi kiel fantastika la rampadon de la aŭtomobilo, kiu faras 150 kilometrojn pohore) niaj sentumoj, vole, nevole ribelos.

Verŝajne, ni pensos: „Fine, kio pruvas tiun fakton, tiun rapidumon? Kiel ĝin akcepti?"

Al tiu dubo oni povas fari nediskuteblan respondon: la preciza kono de tiu rapidumo de la lumo ĵus ebligis, ke la astronomiistoj mezuru la distancojn de la ĉielaj sferoj inter si, ĝiajn volumojn, la rapidumojn de ĝiaj veturadoj tra la etero, kaj ekzemple antaŭdiris ofte, pli ol cent jarojn antaŭe, ke je difinita tago, horo, minuto, komencos tiu ĉiela fenomeno. La lasta kompleta eklipso de la suno okazis en 1724; ili anoncis, ke la proksima okazos nur en 2020.

Antaŭ du jaroj, je la 8a de aprilo, je la precize anoncita momento, iu parta eklipso okazis, videbla en Parizo. La plej skeptikaj homoj, konsentos, mi pensas, ke la astronomiistoj donis unu fojon plie, pruvon de la certeco de iliaj kalkuloj; ĉar ŝajnas tute malfacile interkonsenti kun la „granda mekanikestro" de la naturo por mistifiki la publikon.

Do, tiel miregindaj kiel povus ŝajni al nia malperfekta komprenemo la fenomenoj pri kiuj mi estas parolonta, ni submetu ilin, ne al nia nerva sistemo, sed al nia racio.

Nia racio cetere, tiel senmezure kiel ni ĝin ŝatas, ne kapablas, en la T. S. F. konduki nin pli antaŭen ol en iu ajn alia temo.

Kiam ni diras: „Kiaj misteroj estas tiuj ondoj. Ah! Ĉu oni iam scios?" Ni forgesas, ke tiu sopiro tiel bone taŭgus por multaj aliaj fenomenoj, grandegaj aŭ malgrandegaj, de kiuj ni estas la ĉeestantoj aŭ la ludiloj. Oni ne scias, kaj neniam scios, kial iu elektra alternanta fluo, produktita de bobeno kaj kondensatoro, vibrigas la eteron; nek kial la atako de iu metalo per likvaĵo en la pilo provokas laŭlonge de iu submara kablo, la movadon de iu forto kiun oni mezuras, kiun oni direktas, kaj kiu movigas signalajn aparatojn, oni cetere ne scias pli bone, kial kreskas kaj grandiĝas brasiko, kial la pomo, kiu forlasas la arbon, falas sur la teron, ktp.

Ni nur provu konstati akurate la faktojn, kaj ilin logike interligi. Ni ĉiam baraktas inter la efektoj, sed la kono de la kaŭzoj restas malpermesita por la homa menso. Ni devas humile klini nian kapon, kaj rezignacie komentarii kion ni vidas.

Tiuj rimarkoj, iom longaj, nur celas doni al ni ĉiuj la spiritstaton, la tre humilan veston, kiu taŭgas kiam oni volas cirkuli meze de la elektraj ondoj.

### La regno de la ondoj.

Tiu temo ne estas novaĵo, sed kontraŭe, estas tre familia al ni. Ni vivas kun ĝi, ni eĉ vivas per ĝi, kutime ne tion sciante.

Niaj sentorganoj estas nur antenoj, specialigitaj por unu funkcio kaj sur kiujn specialaj ondoj venas frapi.

La sono rezultas de la vibrado pli aŭ malpli olta, dum la daŭro de unu sekundo (la alteco de la sono dependas de tiu olteco) donita al niaj aŭdaj nervoj de la aeraj ondoj. La lumo estas la rezultato de la rapidega vibrado, alportita al niaj okulaj nervoj de la ondoj de la universala fluidaĵo pri kiu ni speciale traktos en tiu libro: la etero. Estas certe, ke la sentumoj de tuŝo, gusto kaj flaro rezultas ankaŭ de specialaj vibradoj.

Fakte, ni vivas en miksaĵo de ondoj ĉiuspecaj, diversampleksaj, diversformaj; estus superflue priskribi ilian komplikaĵon. Sed kvankam ni modeste proklamas, ke la homoj estas la plej grandaj mirindaĵoj en la universo, kaj faritaj laŭ la figuro de Dio, ni efektive estas maŝinoj tiel malperfektaj, ke la preskaŭ tuteco de la ondoj havas, sur ni, neniun efikon; ne plie ol elokventega parolado emocias helikon. La ondoj perceptitaj de la hirundoj por sin kunigi kiam la vintro alproksimiĝas, tiuj kiuj iras malproksimen serĉi la abelojn kaj la orkolorajn muŝojn por sciigi al ili, ke ilia festeno estas preta, tiel bone kiel la potencaj ondoj de la telepatio, de la antaŭvido de la simpatio aŭ de la malamo, la kolizio inter la ideoj, la interkomunikado de la estaĵoj, ktp. pasas tra ni, eĉ kiam ni tion tute ne suspektas.

### Ni perceptas kelkajn aerajn ondojn (la sonoj).

Nur kelkaj ondoj nin vibrigas, ekzemple la aeraj. Sed ni estas kapablaj ilin percepti laŭ tute malgranda skalo. Mi tuj tion pruvas.

Ni pinĉu en enpremilo iun ŝtalan lamenon, lasante pasi nur unu centimetron supre de la makzeloj. Pere de taŭga ilo ni kurbfleksu tiun ekstremaĵon de la lameno kaj ni subite ĝin ellasu. Ĝi tuj vibras tre rapide, ni vidas, sed ne aŭdas la lamenon vibranta.

Se ni plilongigas la parton de la lameno supre de la enpremilo, la lameno vibras iom pli malrapide. Tiam niaj okuloj ankoraŭ vidas ĝin vibranta, sed samtempe niaj oreloj perceptas tre akutan sonon.

Ni ankoraŭ plilongigu la lamenon, ĝi pli malrapide vibras, kaj aŭdigas basan sonon.

Ni ankoraŭ plilongigu, ĝi vibras tre malrapide; ni tion okule konstatas, sed ni ne plu ion aŭdas.

Do, nia malperfekta orelo sentas la aerajn vibradojn nur, se ili havas posekunde iujn nombrojn da vibradoj, kies maksimumo kaj minimumo estas relative tre proksimaj. Ĝi estas surda por ĉiu vibrado okazanta pli ol 37.000 fojoj posekunde, aŭ malpli ol 16 fojoj.

Inter la akutegaj kaj basegaj sonoj estas la sonoj muzikaj. Tiuj ĉi okazas inter 20 kaj 2.000 vibradoj.

### Ni perceptas kelkajn eterajn ondojn (la lumo).

En la studado de la lumo la homa neperfekteco sin montras tute sama.

La homa okulo perceptas nur tre malgrandan parton de la luma spektro; la ondoj de la ultra violkoloro (longeco 0,4 mikrono aŭ la miliona parto de la milimetro), kies efektoj estas tamen potencegaj ĉe aliaj estaĵoj, neniel lin impresas. La plej bona detektilo kiun li iam estis kapabla fabriki, povas percepti nur ondojn multege pli grandajn, ĉar ekzemple la 300 metra ondo estas 400.000.000 da fojoj pli granda ol la plej granda ondo de la suna spektro.

Tiuj rimarkoj donas al ni ideon tute malproksiman al la realaĵo, de la komplikado de la universaj ondoj kaj de nia embarasita situacio inter ili.

Ne, la ondoj ne estas novaĵo por la homo, ĉar la fenomenoj kiujn li nomas vivo kaj morto — du aspektoj de unu nura tutaĵo — tute dependas de ondoj kaj la funkciado de l' universo ŝajnas esti unu senfina ondaro.

---

## Lasthoraj Informoj
### pri la
## XVIª KONGRESO EN VIENO.

☆

*PROGRAMO.*

Lasthore la Loka Organiza Komitato informas, ke la definitiva programo estas disdonata al alvenintoj en Vieno, sed ne povas esti jam nun publikigata en gazetoj. La 6an de aŭgusto vespere la kongresanoj renkontiĝos en familia interkonatiĝa kunveno. La 7an matene je la deka malfermiĝos la kongreso, kiu laboros ĝis la 10a de aŭgusto, kiam komenciĝos festoj ktp. ĝis la 13a. Ekskurso la 14an.

*

*Honora protektanto* de la Kongreso estas la Prezidanto de la Aŭstria Respubliko D-ro Hainisch.

*

*En la stacidomo* troviĝos akceptejo kun informantoj pri lokoj ktp.

---

## Teatra prezento de „Ginevra".

Surprizo por la kongresanoj estos la teatra prezento de lirika dramo de D-ro Privat „Ginevra", originale verkita en Esperanto en versoj. Ĝi estis unuafoje ludita en Bern ĉe la naŭa kongreso en 1913. Tiam prezentita de la famaj flandraj aktoroj de la Reĝa Teatro en Antverpeno. En Vieno ĝin prezentos S-ro Julio Baghy, la konata poeto kaj aktoro, kun sia kolegaro de „Literatura Mondo", kun la deziro plikonigi nian originalan esperantan poezion.

# TRA LA MONDO ESPERANTISTA

## Informilo de Esperantistaj Organizaĵoj. — Kongresoj. — Alvokoj.

### XIIIa Belga Esperanto-Kongreso.

La XIIIa Belga Kongreso okazis en Bruges, unu el la plej malnovaj, artplenaj urboj belgaj, de la 7a ĝis la 9a de junio.

Ĉirkaŭ 150 gekongresanoj ĉeestis, inter kiuj kelkaj angloj, francoj, holandanoj, hungaroj kaj skotoj.

Sabaton multaj gesamideanoj estis jam alvenintaj. Vespere S-ro Desonay faris interesplenan paroladon kun lumbildoj pri Spa, la beleta banurbo apud Liége. Por instigi intereson al nia afero, oni petu la belan broŝuron pri Spa, kiun oni ricevos senpage. Ĉiuj samideanoj skribu al la jena adreso: „Spa Monopole", Spa.

Dimanĉon je la 9a la kongresanoj iris deponi kronon ĉe la muro de la mortpafitaj. Je la 10a ili estis oficiale akceptataj en la belega malnova urbdomo, kie la skabeno S-ro advokato De Schepper, ĉirkaŭita de kelkaj urbkonsilantoj, deziris la bonvenon al la kongresanoj. Per tre kuraĝigaj vortoj li priparolis la esperantan movadon; por li ne estas dubo: Esperanto venkos; la esperantistoj nur daŭrigu obstine sian propagandon! S-ro Witteryck, prezidanto de Belga Ligo Esperantista, dankis la skabenon pro lia afabla akcepto kaj speciale pro la monhelpo de 1000 frankoj al la kongreso de la urbestraro.

Je la 11a malfermiĝis la oficiala kongresa laborkunsido sub la prezidanteco de S-ro Witteryck. La prezidanto deziris la bonvenon al la ĉeestantaro; li dankis kaj gratulis la lokajn gesamideanojn kaj precipe la prezidantinon F-inon Yvonne Thooris kaj la sekretarion S-ron Dervaux, pro la bona aranĝo de la kongreso.

S-ro Cogen, vicprezidanto de B. L. E., ekkaptas la okazon por rememorigi la servojn al nia afero faritajn de S-ro Witteryck kiu estas unu el la plej malnovaj belgaj esperantistoj. Estas li kiu starigis en Bruges la unuan belgan Esperanto-grupon. Kvankam li tre suferis pro la milito (lia domo kaj preslaborejoj estis grandparte detruitaj) S-ro Witteryck restis fidela al Esperanto kaj daŭre prezidas B. L. E. kun granda aŭtoritato. La sindonemo estas taŭga ekzemplo por la belga samideanaro.

S-ro Petiau, ĝenerala sekretario, faris raporton pri la belga movado. Li sciigas, ke Esperanto estas oficiale enkondukita en la kvara grado de la komunumaj lernejoj de Verviers kaj en vesperaj kaj dimanĉaj kursoj en aliaj urboj. Li atentigis pri la nuna organizado de nia movado kaj pri la neceseco subteni efike niajn novajn oficialajn instituciojn. Li finas farante varman alvokon al praktika interkonsenta laboro.

Poste li legas leteron de S-ro Mathieux, kasisto, kiu ne povis ĉeesti. Tiu letero atentigas pri la malbona stato de la financoj de Belga Ligoj. Por kovri parton de la deficito, S-ro Pirnay el Verviers proponis, ke oni tuj faru monkolekton inter la ĉeestantaro, tiu propono estis akceptata kaj la kolekto havigis pli ol 400 frankoj.

F-ino Yvonne Thooris, prezidantino de la Brugres'a grupo, parolis pri „Nia plena devo". En eksterordinare trafa elokventeco la lerta parolantino montris la devon de ĉiuj esperantistoj; estas: unue aliĝi grupon, due subteni sian nacian societon, trie kaj ĉefe aliĝi al UEA, nia plej utila kaj praktika institucio.

S-ro Victor Hendricx, inĝeniero en Bruselo, parolis pri „Esperanto kaj la blinduloj". La personoj kiuj sin interesas je la plibonigo de la sorto de la blinduloj sin turnu al S-ro Victor Hendricx, inĝeniero, Rue de Nieuwenhove 40, Uccle-Bruxelles.

S-ro Cogen, vicprezidanto de la „Asocio de Esperantistaj Stenografiistoj" faris raporton pri tiu nova asocio kiu propagandas Esperanton en speciala tre agema rondo. Li parolis ankaŭ pri „Aŭtonoma Muziknotado", tre bona projekto pri la reformo de la muzikskribo. Ĉiu interesatulo sin turnu al S-ro Cogen, pacjuĝisto, Dreve, 52, Ninove (Belgujo).

La laborkunsido finiĝis je la $13^1/_2$a en plej entuziasma atmosfero kiu multe promesas por la estonta laboro.

Per festeno kaj ekskurso finis la kongreso.

Specialajn gratulojn meritas la Bruges'aj gesamideanoj kaj precipe la prezidantino F-ino Yvonne Thooris kaj ŝia agema sekretario S-ro Sylvain Dervaux. Nur unu frazon oni aŭdis, kiu estas la plej bona rekompenco por la organizintoj:

„Kia bela kongreso!"

* * *

### Aliaj naciaj kongresoj.

Pri la Brita, Germana, Hungara, Dana kaj Ĉeĥoslovaka Esperanto-Kongresoj ni ankoraŭ ne ricevis la oficialajn raportojn.

La *Germana* okazis en *Plauen* dum Pentekosto sub prezido de D-ro Steche, la *Ĉeĥoslovaka* en *Reichenberg* sub prezido de S-ro Gust. Scholze, la *Dana* en *Aarhus* sub prezido de S-ro Blicher, la *Hungara* en *Szombathely* sub prezido de D-ro Géza Halmágyi. Ĉie regis vigla entuziasmo kaj estis aprobata la pli intima kaj efika kunlaborado kun UEA rekomendita de la internacia kunveno de Pasko.

La *Brita* Kongreso kunigis 156 esperantistojn en *Chester* sub la prezido de la konata lingvisto P-ro Collinson. Post interesaj diskutoj la Brita Esp. Asocio decidis krei ĉe si „internaciajn anojn" pagantajn £ 1, por aparteni aŭtomate al la nacia societo kaj al UEA kune. Ĝi aldonis deziresprimon, ke la redaktoro de „Esperanto" akceptos la finan decidon de la Akademio pri la landnomoj kiam ili estos denove prikonsiderataj.

(Kompreneble jes, ni eĉ petas tiun rekonsideron por alveni al definitiva listo, serioze studita, *Red.)*

Poste la Brita Asocio ankaŭ aprobis la decidon de K. R. kaj UEA komisii al C. K. la organizon de la kongresoj kun Loka Organiza Komitato. Rakontante pri tiu diskuto, S-ro J. D. A. en „Esperanto-Triumfonta", diras, ke S-ro Warden esprimis la opinion, ke la C. K. ne rajtas ŝanĝi la kontrakton de Helsinki. Li estas tute prava; tion rajtas nur la subskribintoj K. R. kaj UEA. Feliĉe la C. K. faris nenion similan kaj nur submetiĝis al la voĉdono de siaj du elektantoj kaj subtenantoj: K. R. kaj UEA.

---

**Helpu ŝpari**

***sendante duoblan poŝtkarton kiam vi petas informon de la***

*CENTRA OFICEJO DE UEA.*

***La kosto de afranko estas la plej alta en Svislando.***

## Festaranĝoj en Calais dum 1924.

La bela urbo, bana, mara kaj industria, Calais, de kie oni vidas sen aparato la anglan marbordon, kies haveno, dank' al la rapideco kaj sendanĝereco de la transiro, havas, per 450.000 jare, la rikordan nombron de la pasaĝeroj inter Anglio kaj la kontinento; Calais, urbo de 73.000 loĝantoj, kiu akiris mondan famon pro ĝiaj belegaj puntoj, aranĝas en 1924 serion da festoj, kiuj disvolviĝos dum la tuta somero: ĉevalkuradoj, boatetkuradoj, diversaj sportoj, ekskursoj sur la maro, arekskursoj en Boulogne, Dunkerque ktp., poezia festo en la ĝardeno de la kazino kaj precipe la belegaj festoj de la maro.

Oni ankaŭ organizis en Calais kun la apogo de la Universitato de Lille kvarsemajnan kurson de franca lingvo, kiu estos farata en pluraj lingvoj de bonegaj profesoroj diplomitaj.

La tuta prezo por tiuj kursoj estas 100 frankoj. Post la ricevo de tiu sumo la organizinto sendos ĉiujn utilajn sciigojn.

Krom la hoteloj kaj familiaj domoj de la 15a de julio la vastaj kolegioj de junuloj kaj junulinoj estas aranĝitaj por komforta kaj ekonomia komungastigado.

Sin turni por la kursoj al S-ro Guerlin de Guer, profesoro de la fakultato de Lille, 103 Rue de Paris, La Madeleine (Nord).

Por nutrado kaj loĝejo al S-ro profesoro Fabre, Rue de la Passerelle, Calais (France).

Por ĉiuj ĝeneralaj informoj koncerne la urbon kaj la festojn aŭ aliajn agrablaĵojn al la Prezidanto de Iniciata sindikato (Président du syndicat d'Initiative), Mairie de Calais.

*G. Perrin,* VD. en Calais.

---

## Esperantista Literatura Asocio.

Administracio: Paul-Gerhardt-Str. 22., Dresden-A. 19, German.

*Julia raporto.*

Nia diligenta kolegaro
En laboro paca ne laciĝos.

Nur mallonga la raporto estas hodiaŭ — tre baldaŭ, dum la Universala Kongreso en Vieno, ni havos okazon buŝe eldiri kaj interŝanĝi niajn opiniojn. Ni esperu ĝojan revidon kaj interkonatiĝon!

Programo por nia faka kunsido estas proksimume la jena:
1. Salutparolo.
2. Jara raporto kun kaso-raporto.
3. Priparolado de jenaj demandoj:
   a) Kiajn librojn ni aperigu por vere riĉigi nian literaturon?
   b) Tradukado de Esperanto-verkoj naciilingven.
   c) Kontrolantoj de manuskriptoj kaj ebla pago por kontrolado.
   d) Nova fikso de l' enirpago kaj kotizo.

Proponoj por la tagordo estos akceptataj ankaŭ en Vieno antaŭ la kunsido.

Nia ŝatata membro, pastro Inocento Seriŝev en Harbin Newtown (Manchurie), nin komunikis antaŭ kelka tempo, ke en lernejo en Barnaŭlo (Siberio) Esperanto estas enkondukita kiel „nepra studobjekto". F-ino Seriŝeva, fratino de nia ano, kune kun aliaj influ-havaj personoj tie, atingis ĉi tiun ĝojigan sukceson. Esperanto estas enprogramigita por la 4., 5., 6., 7. kaj 8. klasoj. S-ro pastro Seriŝev mem senlace laboradas por nia afero en Manchurie, publikigante i. a. artikolojn en „La Verda Ombro", (Tajhoku, Japanujo).

*Manuskriptoj kontrolotaj:* „La du amatinoj" de Alfred de Musset, tradukita de Jan van Schoor, kaj „Suferoj de la juna Werther" de Goethe, esperantigita de D-ro Bischitzky.

*Danke ni kvitancas jenajn kotizojn:* S-roj Paŭlo von Medem (4 M. gm.), Ivan Krestanoff (2 M. gm.), D-ro Wolf Bischitzky (30 Kĉ.), Karl Minor (2 M. gm.), F-inoj Marg. Küster (4 M. gm.) kaj Hildegard Nickel (2 M. gm.).

Kotizo-alpagon (15 Fr. fr.) sendis, danke akceptitan, S-ro Richard Levin.

*Aliĝis:* S-ro Bernhard Selzer, Wien 10, Ettenreichgasse 4/31.

*Johanna Zschepank.*

---

## Por forigi militon.

### Internacia movado sepjara

*1924 — 1931.*

Granda tutmonda movado estas preparata por savi la homojn de milito. Homoj el ĉiuj landoj, helpu! Ĉu vi scias ke la eble venonta milito estos pli ĝenerala pro la kreskanta internacieco, pli ruiniga kaj kruela pro la evoluanta scienco. Ĉu vi scias, ke estas plej granda krimo, solvigi interpopolajn konfliktojn per bruta forto? Ni ja scias tion, vi esperantistoj abomenas la militon. Nun vi povas montri, ke vi apartenas al la granda rondo familia, al la pacaj batalantoj! Nun vi trovas laboron. Memoru, ke kelkjara koncentrita, internacia agado efikos multe pli ol multjara laboro jen en unu, jen en alia lando, interrompita de militoj.

Vi povas nun elekti:

***grandan internacian movadon nun, aŭ grandan mondmiliton poste!***

Vi konas la malnovan argumenton, ke milito ĉiam ekzistis, do devas ekzistadi. Sed kanibalismo, sklaveco, marrabado ankaŭ ekzistis, kaj nun grandparte malaperis. Kial do la milito ne povas malaperi? Ĉu eble oni povas defendi militon inter du konkurantaj landoj? Neniam; se du privataj personoj interbatalus pro konkuro oni malestimus ilin. Kial oni ne malestimas du militantajn landojn? Ĉu vi pensas, ke la preparado por la milito evitos militon? Tio estas ja klare pruvita eraro. ***Preparo por milito akcelas militon. La plej bona defendo estas la porpaca organizo.*** Konfliktoj inter nacioj devas esti solvataj precize kiel inter individuoj kaj urboj, aplikante justecon, anstataŭ preni armilojn. Kio estas farota:

La vojo al paco.

Necesa estas forta puŝo kaj komuna puŝo por venki la militan diablon.

Ni bezonas por certigi la pacon internacian traktaton kaj ligon de ĉiuj nacioj. Ni jam havas komencon de Ligo de Nacioj, sed ĝi bezonas reformojn. Ni forte mobilizu la publikan opinion tra la tuta mondo, por ke la registaroj aparte kaj kune preparu grandan leĝon por eterna paco inter la nacioj. Du aŭ tri kunlaborantaj registaroj povus multege fari. Kia tasko estos i. a. influi la gazetaron tiamaniere, ke ĝi propagandos la pacon, malpermesi la armilfabrikadon kaj la militistajn ekzercadojn, forigi la timon por la milito, solvi internaciajn konfliktojn per rajto kaj kondamni la barbaran metodon de interbatalo.

*La reformita Ligo estos la pli vasta evoluo de la Zamenhofa idealo: interfratigo de la tuta homaro.*

Ĉiuj povas helpi!

Jen kelkaj sugestioj:

Disvastigu la pacideon en via familio, en via amika rondo! Eduku la infanojn laŭ larĝa, internacia bazo! Konvinku influriĉajn homojn per petskriboj aŭ vizitoj pri pacidealo!

Dediĉu ĉiun tagon kelkajn minutojn al porpaca meditado aŭ preĝo!

Havu fortan kredon je eterna paco, kaj via kredo realiĝos! Uzu poŝtkartojn, paperon ktp. kun belaj pacemblemoj! (tio jam ekzistas.)

Portu pacinsignojn!

Organizu pactagojn, publikajn kunvenojn, debatvesperojn, demonstraciojn ktp.!

Starigu, se ne ekzistas io en via lando, porpacan unuiĝon!

Mem laboru! Subtenu la Ligon de Nacioj!

Fine libere kontribuu iom por la monata flugfolieto, por literaturo kaj propagando. Ni bezonas unu milionon da subskriboj por havi fortan bazon de la nova porpaca movado.

*Esperantistoj, laborantoj de la tuta mondo aliĝu nun!*

**Por la Internacia Ĉefoficejo en Genève**

trad. *Julia Isbrücker,*

10 van Beverningstr., Hago, Nederlando.

---

# Zamenhof'a monumento.

(Raporto de la Organiza Komitato.)

De kiam ni laste raportis (vidu „Esperanto", marto 1924, kaj „Esperanto Triumfonta", N-ro 180), ni havas la honoron, sciigi, ke la monumento, post kontentiga kontrakto, estas jam sub la ĉizilo de la skulptistoj en Aberdeen, Skotlando. La progreso de ĝia kompletigo daŭras senĉese kaj estos finita sen prokrasto. La materialo uzata estas blank-griza granito de Kemnay'a kvalito, havas la reputacion de plej longedaŭrema en la mondo.

Kiam la monumento estos finita, ĝi estos enpakita en ses aŭ sep grandaj skatoloj, kiuj pezos inter 7 kaj 8 tunoj, enŝipigita en Aberdeen por marvojaĝo al Danzig, kaj de tie, fervoje aŭ ŝipe sur la Vistulo rekte al Varsovio por starigo. Personoj kaj societoj, kiuj havas bonajn rilatojn kun ŝip-kompanioj sur tiuj vojoj, kaj povas influigi ilin transporti la monumenton senpage al ĝia destinita loko, bonvolu tion fari, aŭ doni konsilon al la Honora Sekretario, se ili scias rimedon por tion efektivigi. Oni atentigu la ŝip-kompaniojn pri la grandega reklamo kiun ili ricevos ŝanĝe de tiu servo. La Organiza Komitato devigas sin aperigi almenaŭ po unu artikolo pri tiu fakto, en ĉiu esperanta gazeto aperanta tra la mondo.

La Organiza Komitato sendis petskribon al la Pola Ambasadoro en Londono por permeso, ke al la monumento estu permesita eniri Polujon, ne pagante la kutimajn limdepagojn kaj aliajn dogantaksojn. Laŭ la respondo de la Ambasadoro, tiu peto estis transsendita de li rekte al la Pola Registaro en Warszawa. Ni do petas ĉiujn gravajn naciajn asociojn, ke ili tuj skribu oficialajn leterojn al la ambasadoroj de siaj landoj, en kiuj ili subtenu nian alpeton. Tiaj komunikoj, kiuj venos el diversaj flankoj, helpos por havigi la necesan koncesion.

*

**La kupon-kartoj kaj monaj aferoj.**

Samideanoj kaj societoj, kiuj vendis kupon-kartojn aŭ parton da ili, estas petataj tuj alsendi la monon, aŭ al la subskribanto, aŭ al la Honora Kasisto W. M. Page, 31 Queen street, Edinburgh, Skotlando. Ni aldonas analizan liston de la mondonacoj ĝis nun ricevitaj, aranĝita laŭ la landoj. Oni rimarku, ke multaj landoj, kie laŭ nia scio ekzistas esperantistoj, kontribuis al la kaso, aŭ nenion aŭ nur bagatelajn sumojn. Ne estas ankoraŭ tro malfrue por ripari tiun mankon, ĉar la tuta sumo bezonota ne troviĝas ankoraŭ en la kofroj de nia kasisto.

| | £ | | £ |
|---|---|---|---|
| Aŭstrio | 13—4 | Hungarujo | 11—9 |
| Aŭstralio | 55—16—5 | Italujo | 3—7—1 |
| Alĝerio | 4—0—0 | Japanujo | 10—0 |
| Belgujo | 10—19—5 | Jugoslavujo | 3—0—0 |
| Britujo | 98—19—4 | Kanado | 1—0—0 |
| Brazilujo | 4—11—0 | Litovujo | 5—14—10 |
| Ĉeĥoslovakujo | 10—0—0 | Meksiko | 2—7—8 |
| Danujo | 3—19—5 | Kubo | 2—5—0 |
| Estonio | 1—0—0 | Nederlando | 23—18—5 |
| Finnlando | 3—18—3 | Rumanujo | 4—2 |
| Francujo | 9—12—0 | Svedujo | 4—2—1 |
| Germanujo | 5—13—2 | Svislando | 7—2—5 |
| Hispanujo | 2—19—11 | Uruguajo | 5—19—2 |
| Usono | 20—4—2 | | |

Estas notinde atentigi, ke Britujo (Anglujo, Skotlando, Krimujo kaj Irlando) staras je la unua vico kun £ 98—19—4. Venas poste malgranda Aŭstralio, kun £ 55—16—5, por tiu eleganta sumo ni devas danki al niaj senlacaj kunlaborantoj en Melbourne, S-ro Pyke kaj Drummond. Poste venas Nederlando kun £ 23—18—0; Usono, la lando de la oro, kun £ 20—4—2; Belgujo kun £ 10—19—5, kaj Ĉeĥoslovakujo kun £ 10—0—9. Ni scias, ke en tiu lasta lando atendas nin ankoraŭ kelkaj sumoj kiuj venos tre baldaŭ.

La listo datiĝas je ĉirkaŭ la mezo de marto, kaj oni ne forgesu depreni de la tuto la ĝisnunajn elspezojn. (Vidu lastan bilancon de la Nurnberga kongresa raporto.) Ni povas aldoni, ke la sekretariaj kaj kasistaj elspezoj estas treege malgrandaj, ĉirkaŭ 1¼ procentoj de la sumo kolektita, elspezita entute por poŝtmarkoj.

Ni ripetas la urĝecon de alsendo de mono tiel eble kiel baldaŭ.

En la nomo de la Organiza Komitato:

*J. D. Applebaum,* Hon. Sekr.

11 Mayville Rd., Mossley Hill, Liverpool, Anglujo.

---

## Esperanto ĉe laboristoj.

En *Virina Socia Lernejo* en Ĝenevo, studentino fraŭlino Chappuis prezentis kiel diplomlaboron tre interesan studon pri la utileco de Esperanto por laboristoj. Farinte enketon ĉe kvarcent diverslandaj laboristoj kaj dudek ses laboristaj grupoj, ŝi resumis tre klare la rezultaton laŭ la ricevitaj respondoj kaj eltiris trafan konkludon. Interese estus citi impresajn leterojn de ŝi ricevitajn.

Ĉe la ekzameno de ŝia laboro, antaŭ ĉeestanta publiko parolis por demandadi la kandidatinon Profesoro de Maday, direktorino D-ino Beck kaj invitita D-ro Privat. F-ino Chappuis sukcesis por la diplomo.



# Internacia Asocio de la Esperantistaj Fervojistoj

## OFICIALA INFORMILO.

Aperas ĉiumonate.

**Jarkotizo:** 6 ŝil. ang. [5 ŝil.], 6 jen jap. [5 jen], 12 Fr. fr.-belg. [10 Fr. fr.-belg.], 15 lir. [12 lir.], 15 Kč. [12 Kč.]; malbonvalutanoj el Aŭstrio, Germanio, Hungario, Pollando kaj Ruslando pagas 2 fr. sv. [1 fr. sv.]; membroj de tie ĉi ne nomitaj landoj pagas 6 fr. svisajn [5 fr. sv.]. *Monsumon en la krampoj pagas membroj malnovaj.*

Se la membro ne povas pagi sian kotizon per papermono en citita valuto, pagu ĝin per respondkuponoj en indikita egalvaloro per rekomendita letero.

Modelon de „ALIĜILO" vidu en O. I. de I. A. E. F., januara numero de „ESPERANTO".

Morala devo de ĉiu nia ano estas, ke li varbu almenaŭ unu fervoran membron. *Aliĝo al UEA estas rekomendata al ĉiuj I. A. E. F.-anoj.*

Antaŭ vi faras ian demandon al la komitato aŭ redakcio, bonvolu atente tralegi ĉiujn ĝis nun aperintajn sciigojn en „La Fervojisto", julio 1923, N-ro 1, kaj en Oficiala Informilo depost aŭg.-sept. 1923.

*Redaktoro:* Josef Blažek, inspektoro, Olomouc, Müllerova 24 (Ĉeĥoslovakio) (akceptas ĉiujn manuskriptojn por la Oficiala Informilo).

*Kasisto:* Emanuel Kubásek, revizoro, Plzeň, Lobezská 12 (Ĉeĥoslovakio) (akceptas ĉiun monon por la I. A. E. F. kaj la Oficiala Informilo).

---

### *Tre estimataj samfakanoj*

ĉiulandaj, speciale tiuj, kiuj partoprenos la fervojan jarkunvenon en Wien, estas petataj atente tralegi ĉiujn oficialajn sciigojn publikigitajn en la O. I. de post aŭgusto-septembro 1923 ĝis julio 1924. Se ĉiu konferencano konos bone la asocian situacion, ni povos rapide kaj sukcese pritrakti la difinitan tagordon; tiam neniu prokrastos la agadon per superfluaj demandoj aŭ proponoj, sed ĉiu povos utili la IAEF per serioze pripensitaj proponoj aŭ konsiloj. Oficiale ni invitis UEA. Laŭ jam ricevita promeso unu sinjoro el la kondukantoj de UEA ĉeestos nian fakkunsidon.

La komitato.

**Novaj membroj de IAEF** (Daŭrigo)

(Vidu la lastan nomaron en junia Oficiala Informilo).

301. *Lindstrom,* Ernst-Petrus, lokomotivestro, Enköpink, Järnvägen, Uppland, Svedio.
302. *Hammar,* Gustaf-Sandfrid, hejtisto, Ludvika, Box 573, Svedio.
303. *Mužinić,* Stjepan, fervojoficisto, Zagreb, Kukučeva 31, Jugosl.

**Propono por IAEF-jarkunveno,** ricevita de S-ro J. Řebíček, Olomouc:

„Plej urĝa laboro estas verki fakan terminaron fervojistan."

Por subteni kolegon Habellok mi proponas starigi „terminarkomitatojn" laŭ fakoj:

a) por komercaj terminoj,
b) por trafikaj terminoj,
c) por konstruteknikaj terminoj,
d) por maŝinteknikaj terminoj,
e) por financaj terminoj,
f) por administroservaj terminoj,

Plej ampleksa kaj malfacila laboro estos elekti ĝustajn komercajn terminojn, kiujn oni plej urĝe bezonas, tial ni dividu la laboron de komitato ad a) en 3 sekciojn:

1. por person-, pakaj-, eksprestrafiko kaj tarifoj,
2. por komercajtransporto,
3. por komercajtarifoj.

Oni elektu fak- kaj sekciestrojn, kiuj distribuu la tradukotajn helpilojn; tiamaniere oni kompilos ĉiujn fervojajn esprimojn.

**Finnlando.** Nia ĉiam tre vigla asesoro por Finnlando, S-ro H. Salokannel, fervojoficisto en Laihia, prezidanto de Esp.-societo de finnlandaj fervojistoj montras denove, ke forte kreskas Esperanto-movado inter la tieaj fervojistoj. Li komunikas al ni detale per interesa letero, ke okazis sukcesa jarkunveno ĉe la finna universitato en Turku la $20^{an}$ de aprilo 1924. Diversaj gravaj proponoj estis pridiskutitaj kaj aprobitaj.

Nome interesas nin lia sperte pripensita jena propono: „Kiel oni povus plivigligi la intereson pri Esperanto inter la fervojistoj" t. e. rilate:

1. aranĝon de paroladoj eĉ dum kaj en faklernejaj kursoj fervojaj;
2. verkadon de fakartikoloj kun diversaj konkursoj por niaj fakorganoj;
3. anoncon de reklamafiŝoj kaj klarigtabuloj por stacidomoj ktp.
4. rekomendon de spertaj instruistoj speciale por fervojaj kursoj;
5. honoran devon de malnovaj membroj varbi membrojn novajn.

Grava estas ankaŭ la dua aprobita propono aŭ demando koncerne presadon de formularoj kaj presaĵoj fervojaj; oni decidis: oni invitu la administracion fervojan, ke ĝi presigu la multlingvajn informilojn, komunikaĵojn koncernantajn la publikon **antaŭe esperante.**

Al S-ro H. Salokannel, kiel elektita reprezentanto de finnaj gefervojistoj, kiu eĉ promesas partopreni la XVI-an U. K. de E. eĉ al ĉiuj liaj kunlaborantaj amikoj ni kore gratulas. Red.

**Fako por korespondado.** *Svedio.* S-ro I. E. Medinus, fervojoficisto ĉe ŝtataj fervojoj svedaj, sendis la $26^{an}$ de aprilo belan vidaĵkarton montrantan la stacidomon „Mosas" kun salutoj al samideanoj en Ĉeĥoslovakujo. Reciproke ni salutas kaj ĝojas je revido kun li kaj kun ĉiuj svedaj gefervojistoj en Wien la $6^{an}$ de aŭgusto. Red.

**Internacia Fervoja Konferenco en České Budějovice** Ĉeĥosl. Daŭrigo.

La tuta programo estis punkto post punkto kun eksterordinara zorgemo kaj konscienco pritraktita kaj en plena konkordo akceptita. Al la fino de l' konferenco la delegitoj de ĉiuj partoprenantaj ŝtatoj deklaris: En la signifoplenaj vortoj de bonvena parolado de sinjoro ministeria konsilanto inĝ. Hůla estis akcentite kaj kun granda emfazo de ĉiuj partoprenantoj konfesite, ke la praktika aranĝo de firme fiksita internacia translima trafiko de kompletaj ŝarĝvagonaroj havas por ĉiuj ŝtatoj gravan signifon kaj alportos al la komerco de ĉiuj ŝtatoj grandegan utilon! Tial estis proklamite de ĉiuj partoprenantoj de l' konferenco, ke estus necese, kunvoki ĉiujare konferencojn, por alporti al ĝi la akiritajn spertojn, plibonigojn kaj novajn proponojn, por plifaciligi kaj plirapidigi la translimajn komercaĵsendaĵojn. Kiel plej konvenan tempon por tiu konferenco oni fiksis la duan duonon de l' monato januaro de ĉiu jaro. La ĉeĥoslovaka ŝtata fervoja direkcio Praha-Sever, kiel administranta konferenca oficejo, invitos ĝustatempe ĉiujn fervojajn administraciojn.

En aprilo 1924 kunvenis ankoraŭ la delegitoj de ĉi tiu konferenco en Wien, kie estis publikigitaj la firma horaro kaj la interkonsentitaj vagonarnumeroj.

La konferencon en České Budějovice partoprenis por „Generaldirektion der österr. Bundesbahnen en Wien.": Insp. Geosich de österr. Bundesbahnen, dep. I./1; Ob. rev. Scheiold, Wien-West, dep. V./6; Insp. H. Hollmann, Wien-Nord-Ost; Insp. Beck, österr. B. B., dep. V./5, direkcio Linz; Ob. rev. Alexander, B. B., dep. V./6, direkcio Innsbruck; Insp. Tomasi, B. B., dep. V./5, Villach; Insp. K. Fritsch, B. B., dep. Wien-Süd, i. L.; Ĉefinsp. Rudolf Czernek, B. B., dep. Wien-Süd, i. L., Wien. (Finota).

**Karaj geamikoj!** Ne forgesu viziti denove *multnombre* nian jarkunvenon, fervojan fakkunsidon, okazontan dum la XVI$^{a}$ U. K. de E. en Wien.



# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO.

**Celo:** *Disvastigi la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto. — Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo. — Krei internaciajn servojn uzeblaj de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia genta aŭ lingva teritorio. — Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon kaj estimon por fremdaj popoloj. — UEA kungias la samideanojn, kiuj per la forto de sia nombro kaj la utiligo de la Zamenhofa lingvo volas pruvi al la mondo, ke Esperanto vivas, taŭgas kaj progresas.*

**Servoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn de la Delegitoj, uzi la servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron.*

**Kotizoj:** Oficialaj prezoj en svisaj orfrankoj. *Membro* (M) *5 Fr. Membro-Abonanto* (MA) *12,50 Fr. Membro-Subtenanto* (MS) *25 Fr.* La MA kaj MS ricevas la gazeton. — *Membro-Dumviva* ricevanta la gazeton kun ĉiuj oficialaj dokumentoj; *500 Fr. oro.* (Partopagoj trijaraj po 100 Fr., sed neniu nacia prezo kiel ĉe aliaj membro-kategorioj. — Naciaj prezoj por M, MA, MS:

**Argentino:** P. oro: 3, 7,5, 15; **Aŭstralio:** Ŝil. 5, 12|6, 25; **Aŭstrio:** Kr. 30, 75, 200: **Belgio:** Fr. 10, 25, 50; **Brazilo:** Milr. 6, 15, 30; **Britlando:** Ŝil. 5, 12|6, 25: **Bulgario:** L. 50, 125, 400; **Ĉeĥoslovakio:** Kr. 20, 45, 100; **Ĉinio:** Arg. dol. 1.40, 3.50, 7.—; **Danmarko kaj Islando:** Kr. 5, 12,50, 25; **Estonio:** Mk. 125, 400, 1000; **Finnlando:** Mk. 25, 60, 120; **Francio:** Fr. 10, 25, 50; **Germanio:** Mk. or. 2,50, 5,—, 15; **Greklando:** Dr. 25, 80, 300; **Hispanio:** Pes. 6, 15, 30; **Hungario:** Kr. or. 2,5 5, 15: **Irlando:** Ŝil. 5, 12|6, 25; **Italio:** L. 12, 30, 60; **Japanio:** J. 2, 5, 10; **Jugoslavio:** D. 40, 100, 250; **Latvio:** L. 3, 6, 15; **Litovio:** L. 6, 12, 30; **Nederlando:** G. 2.50, 6, 12; **Norvegio:** Kr. 5, 12.50, 25; **Pollando:** Zlot. 3, 6, 15; **Portugalo:** Esk. 12, 30, 75; **Rumanio:** L. 100, 250, 600; **Svedlando:** Kr. 4, 10, 20; **Svislando:** Fr. 5, 12,50, 25; **Turkio:** P. 75, 200, 500; **U. S. A., Kanado, Kubo, Centra Ameriko:** Dol. 1, 2,50, 5. — El aliaj landoj oni pagu laŭ la oficiala prezo en svisaj frankoj [ora valoro].

La helpmembroj (HM) estas kategorio kreita favore al jenaj landoj kun tre malalta monkurzo: Aŭstrio: Kr. 10000; Germanio: Mk. or. 0,60; Hungario: Kr. or. 0,75; Pollando: Zlot. 0,75; Rumanio: L. 30 La helpmembroj ĝuas ĉiujn rajtojn escepte la ricevon de la jarlibro kaj gazeto.

La Entreprenoj de UEA (komercaj firmoj, societoj k. t. p.) pagas jare la oficialan aŭ nacian prezon kiel la MA. La Entreprenoj rajtas presigi tekston de 40 vortoj en speciala parto de la jarlibro kaj rajtas uzi la servojn de informpetado.

Esperantistaj grupoj ne povas aliĝi kiel membroj aŭ entreprenoj.

**Centra Oficejo:** *12, Boulevard du Théâtre, Genève (Svislando) — Bankkonto: Société de Banque Suisse, Genève. — Svisa Poŝtĉeko: I. 2310. — Poŝtĉeko en Aŭstrio: Postsparkassenamt Wien, Konto 105439. — Poŝtĉeko en Ĉeĥoslovakio: No. 79236, Praha. — Poŝtĉeko en Germanio: No. 90850, Frankfurt am Main. — Poŝtĉeko en Pollando: No. 190576, Warszawa.*

---

**XVIa Kongreso en Vieno.** — La tagordo de UEA entenas la raporton pri la jaro 1923, aperanta en la Kongresa Libro.

Eblaj proponoj estu sendataj al la Centra Oficejo ĝis plej malfrue 25 Julio.

**Al polaj membroj.** — Ni informas niajn membrojn en Pola Respubliko, ke de nun la kotizoj estas pageblaj nur en ora valuto = zloty. De nun ankaŭ la enpago al nia poŝtĉeko en Warszawa estas ree ebla (Konto 190576); plej simpla estas la pago per biletoj en rekomendita letero rekte al nia oficejo.

* * *

**Delegitoj.** — Delegitoj estas elektitaj en jenaj lokoj:

**Troy,** U. S. A., Pen. — D: S-ino Fanni A. Baker, terkulturist-edzino

**Tsinan,** China, Shantung — D: S-ro Liu Ui Hjo, instruisto, Tsinan Esp.-Societo
VD: S-ro C. Yü Daniel, studento, Shantung Christian University

**Turnov,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio — D: S-ro František Řádek, faka instruisto, Odborný učitel

**Uppsala,** Sved., Uppland — D: S-ro Frits Linden, astronomiisto, Övre Slottsgatan 18

**Ventspils,** Latvio — D: S-ro Andrejs Pornieks, inĝeniero, Saules iela 4

**Weimar,** Germanio, Thüringen — D: S-ro Hans Joachim Lieseberg, bankoficisto, Lottenstr. 32|III

**Wolverhampton,** Angl., Staffordsh. — D: S-ro Fred William Hipsley, civila inĝeniero, 138 Bruford Rd.

**Worms,** Germanio, Hessen — D: S-ro Fritz Pfaff, instruisto, 12 Sebastian-Münster-Str.

**Yinnar,** Aŭstralio, Victoria — D: S-ro Martin Fred. Walker, Lakt Farmisto „Haere Mai"

**Zawiercie,** Pol., Bedzin — D: S-ro Maksymiljan Sikorski, instruisto, Szkota 2
VD: S-ro Ludwik Klepaczewski, instruisto, Szkota 2

**Zilupe,** Latvio, Latgale — D: S-ro Jānis Greiško, fervojisto
VD: S-ro Eduards Cimdinš, fervojisto

**Zweibrücken,** Germanio, Pfalz — D: S-ro Alfred Mulert, Dr. phil., Gabelsbergerstr. 13

**Komercaj delegitoj.** — Estas elektitaj kiel komercaj delegitoj:

**Berlin** — D-ro Otto Eberler, juristo, Heiligendammerstr.
**Praha** — S-ro Augustin Pitlík, ministreja ĉefkomisario, Křemencová 17

**Ŝanĝoj.**

**Batavia,** Java, Ned. Indio — D: S-ro Klaas Jan Rijpkema, elektristo, Dep. v. Marine

**Jicin,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio — D: S-ro Alois Šikl, poŝta oficisto, Štefanikova 324
VD: S-ro Václav Kobera, dentisto, Havlíčkova 186

**Montreux,** Svislando, Vaud — D: S-ro Ed. Bellion, fervojisto, Av. des Alpes 5
VD: S-ro Henri Bezençon, poŝtoficisto, Av. de Alpes 19

**Orange,** Francio, Vaucluse — D: S-ro François Bravay, terkulturisto

**Pforzheim,** Germanio, Baden — D: S-ro Albert Knecht, komercisto, Hafnergasse 1
VD: S-ro D-ro J. Linder, med. dent., Luisenstr. 3

**Provizore ne plu estas delegitoj en la jenaj urboj:**

**Chorley,** Angl., Lancashire; **Menado,** Norda Celebes, Oceanio: **Vezprem,** Hungario; **Vrgorac,** Jugoslavio.

* * *

*Genève,* 20a de junio 1924.

*H. Jakob,*
Ĝenerala Sekretario de UEA.

---

**UEA-Kunveno ĉe Nacia Kongreso.** — Okazis ĉe la germana Esp.-Kongreso en Plauen kunveno de ĉeestantaj UEA-membroj, bone vizitita. S-ro Rockmann, komitatano kaj honora membro malfermis la kunsidon, dankante al la Prezidanto de la Germana Esperanto-Asocio D-ro A. Steche pro lia partopreno. Poste li parolis pri la stato de UEA en Germanio, kiu dank' al la stabiligo de la mono pliboniĝis tiel, ke la nombro de membroj atingas jam nun pli ol 1500 [1923: 873]. Tiu plibonigo estas ŝuldata al kelkaj tre agemaj delegitoj, al kiuj la Asocio esprimas sian dankon kiel ankaŭ al la kreita *servo de partpago*, kies kontentiga funkciado pravigas la aranĝinton. Pri plia varbado de membroj kaj delegitoj parolis S-ro Johannes Karsch, komitatano de UEA. Sekvis vigla diskuto pri kreo de teritorioj en Dresden, Essen kaj Hamburg, kiu kondukis al kelkaj principaj interkonsentoj. Fine S-ro Rockmann konigis la neceson adapti la kotizon en Germanio al la oficiala prezo; la kunveno akceptis tri deziresprimojn:

1. La Delegitoj de UEA instigu la gvidantojn de kursoj, ke ili atentigu komence de kurso la lernantojn pri la utilo kaj graveco de Universala Esperanto-Asocio kaj de aliĝo al ĝi.

2. La Kunveno de UEA-membroj ĉe la XIIa Germana Esp.-Kongreso konstatas, ke la ekzisto de peranto en Germanio, koncentriganta la administrajn laborojn, estas taŭga kaj valora kaj esprimas la deziron ke ĝi estu daŭrigata en la persono de S-ro Fr. Rockmann.

3. Ke la pagebleco de la kotizo de MA kaj MS po kvar partoj estu daŭrigota, permesanta tiel, ke multaj malriĉaj personoj povu aliĝi. Kiel tempolimo estu fiksota la 30 Junio.

Dankinte la ĉeestantojn kaj speciale al S-ro Rockmann, S-ro Karsch fermis la kunvenon.

*Fritz Rockmann* kaj *Johannes Karsch,* komitatanoj de UEA.

# Esperantista Parolejo.

### Oni laŭdas!

.·. S-ro *T. Morariu,* sekret. Esper. Centro Rumanio, el Bucureŝti, tutkore dankas al S-ro D-ro Ali Fouad Bej, honora ĝenerala saneca inspektoro de Turka Respubliko, membro de UEA, pro afabla gastameco kaj sindona gvidado dum dektaga restado en Konstantinoplo.

.·. S-ro D-ro *Al. Dumitrescu,* komandanto de l' Rumana Skoltgrupo el Bucureŝti, en la nomo de 47 skoltoj ekskursintaj Turkion, esprimas profundan dankemon pro la noblanima helpo, farita de S-ro hon. ĝen. inspektoro D-ro Ali Fouad Bej, dum vizito en Konstantinoplo.

.·. Ge-roj *R. Bolliger,* vic-del. en Bern, sincere dankas al S-ro Gustave Jublean, prez. de Esp.-Grupo Nice, G-roj Ippolito Piatti, del. en Milano kaj G-roj F. Isella, del. en Lugano pro afablaj servoj dum vojaĝo.

.·. Ge-roj *Ranft el Dresden* sincere dankas al la delegitoj de UEA en München, Verona, Palermo, Catania, Romo, Firenze al S-roj Scata, Siracusa, Biagi kaj Palagonio, Palermo, Franchi en Napoli, kiuj en modela, ofte amika maniero helpis al ni dum nia vojaĝo kaj protektis nin kontraŭ la teruraj fiakristoj kaj pakaĵportistoj.

.·. S-ro *Paŭlo Balkányi,* ĉefdelegito por Hungario, koregе dankas al la S-roj Bouvier, Rinaldo Borsa, Genève, Robert Bolliger, Bern, Ed. Bellion, Montreux, Herbert Hammer, Sam Moser, Zürich, delegitoj kaj vicdelegitoj, kaj speciale al la oficistoj de la C. O. de UEA, pro kora akcepto, agrabla gvidado kaj modela servado farita dum vojaĝo tra Svislando.

.·. S-ro *J. F. Fischer,* Degersheim (Svis.) korege dankas al la S-roj Courjon, del. de Alger kaj Richard, del. de Tanger pro valoraj vojaĝinformoj. Al S-ro Carlos Martinez, del. de Sevilla, li esprimas sian profundan dankon pro la afabla akcepto, gvidado, havigo de loĝejo dum la „Sankta Semajno" en Sevilla.

.·. S-ro *Fritz Rockmann,* komitatano de UEA, Magdeburg kore kaj sincere dankas al la multaj gratulintoj okaze de 25-jara jubileo.

.·. S-ro *P. Becker,* del. de UEA en Mainz sincere dankas al S-ro Brewster F. Ames pro farita grava servo ĉe la Komerca Ĉambro en San-Francisco.

.·. S-ro *Branchu,* del. de UEA en Ménetou-Salon-Cher sincere dankas S-rojn Villafranca kaj Gomez en Buenos Aires serĉintaj en ilia urbo familion el franca deveno de kiuj parencoj en Francio estis sen novaĵoj de longa tempo.

.·. Ge-roj *Joza* kaj *Albert Brändel,* Dresden sincere dankas al la samideanoj, kiuj amike kaj gastame akceptis kaj ĉiurilate helpis ilin dum vojaĝo tra Italio, precipe al S-roj La Colla, De Biagi kaj Palagonia en Palermo, S-ro Cacace en Napoli, S-roj Migliorini kaj familio Filippi en Roma kaj S-ro Santin en Venezia.

.·. S-ro *R. A. Ĉech,* del. de UEA kaj S-ro *M. Ultmann* el Wien elkore dankas al S-roj Wanitsek, D. Kamaryt, Keŝik kaj al ĉiuj gesamidenoj el Bratislava, kiuj frate zorgis por ni kaj niaj kunveturantoj okaze de ekskurso dum majo.

.·. S-ro *Karl Minor,* L. K., Hamburg sincere dankas al la del. en New York S-ro J. Silbernik pro rapide farita servo, valora kaj grava por li.

.·. *Rusa Ĉefepiskopo Metodio* en Ĥarbin (Manĝurio), per pastro Inocento Seriŝev, vic-del. de UEA esprimas plej sinceran dankon al S-ro A. Tellini, del. en Bologna pro klopodoj pri mendo de kameo.

.·. Lernejestro *R. Scheibler,* Wurgwitz - Dresden tutkore dankas al S-ro Groarty, New York por la belega, granda kesto de manĝaĵoj al niaj infanoj okaze de la helpverko de generalo Allen; al S-ro Boubou, instruisto en Orléans kaj liaj sindikalistaj gekolegoj, kiuj kolektis 4000 francajn frankojn por germanaj infanoj kaj 50 dolarojn por infanoj de la Esperanto-lernej-klasoj en Dresden, Freital, Gohlis kaj Wurgwitz.

.·. S-ro *André Rousset* el Avignon sincere dankas S-ron Oberrotman, del. en Warszawa, S-ron Barviĉ kaj gesamideanojn en Brno, F-inon S. Dlouha, vic.-del. en Praha pro ilia afableco kaj plenumitaj servoj dum vojaĝo tra Eŭropo.

.·. S-ino *M. Moscheles* kaj F-ino *Zabelle Boyajian* el London kore dankas al la delegitoj de UEA en Venezia, kiuj helpis dum 3 monata restado en tiu ĉi urbo. Specialan dankon ni ŝuldas al sindonema Profesoro Pizzi, prezidanto de „Esperanto-Domo".

.·. S-ro *Scholze,* inĝ., Reichenberg korege dankas al ĉiuj delegitoj, kiuj afable plenumis la peton, respondi al la cirkulero de la Komerca Ĉambro. Mi povas diri, ke la sukceso estis plena; la K. Ĉ. nun rekomendas Esperanton kaj subtenas morale nian movadon.

.·. S-ro *Hugo Pressburg,* komerca konsilanto, ĉefo de la kravatfabriko M. Pressburg, Praha dankas al delegito S-ro Arne Arnessen, bankrevizoro, Kristianio por bonega servo, pagigo de ŝuldo de kliento.

.·. Studento *S. Paluzie* el Barcelona kore dankas S-ron Won Ken, en Lyon, S-ron Sam Moser, el Zürich kaj S-ron Jakob kaj S-ron R. Richez, ambaŭ el Genève, pro afablaj servoj, helpo kaj gastemeco dum antaŭ kaj postaj vojaĝoj al la XVa Kongreso.

.·. S-ro *Boh. Paleček* el Praha kore dankas S-ron Leon Meras en Parizo, kiu tre rapide kaj zorgeme interrilatigis min kun Pariza komerca firmo pri gravaj komercaj aferoj.

.·. S-ro *Benedikt Ulm,* del. en Friedland, Bohemio kore dankas al S-ro del. P. Zoffmann, en Kolding (Danmarko) por farita komplezo kaj al S-ro O. Melzer, Chemnitz por gentile senditaj libroj.

.·. S-ro *Klotz* en Königsberg (Germ.) dankas plej kore al la delegitoj de la UEA S-roj B. Luis en Düsseldorf (Germanio) kaj J. A. Sheil en Washington pro gravaj sciigoj en familiaj aferoj. Plue li dankas al la del. de UEA, S-roj H. Lewine en Denver (U. S. A.), Isaías Fajardo en Tampico (Mexiko), Ph. L. Pratley en Westmount (Kanada) J. Underhill en Idaho Spring (U. S. A.), A. González en Rey (Oriente, Kubo), J. Kovarik en Chicago (U. S. A.), kiuj servis al mi per informoj pri iliaj landoj.

.·. S-ro *Génermont,* komitatano de UEA, del. en Moulin, korege dankas S-ro Williams, del. en Longborough (Angl.) por diversaj sendaĵoj farilaj kaj grava servo plenumita de li okaze de enketo pri arĥitekta okazintaĵo.

.·. F-ino *Julie Wolfson,* vic-del., Breslau, dankas kore al S-ro Björn N. Blöndal, del. en Hoammstanga, Islando, pro la esperantigo de islandaj poemoj bezonitaj de ŝi por traduko de libreto.

.·. S-ro *A. Oberrotman,* del. de UEA en Warszawa sincere dankas la delegiton de UEA por Torun, D-ron J. Dziedzic, por afabla gastigo dum la vizito tie kaj por donitaj gravaj informoj.

# Esperantista Vivo.

**Naskiĝoj.** — Al Ge-roj *Benedikt Ulm,* del. de UEA en Friedland (Ĉeĥosl.) naskiĝis 3a infaneto Jmelda, Augusta Maria.

— Al Ge-roj *Epton,* sekretario de UEA, en London naskiĝis filino Margaret Lilian.

— Al Ge-roj *Naranjo Terán* el Jerez de la Frontera naskiĝis dua fileto, nomita Jese.

Al Ge-roj *Bruno de Mendonça Lima,* Pelotas, Brazilo naskiĝis filo — estonta esperantisto — Bruno.

**Fianĉiĝo.** — S-ro *Karl Brockmann*, membro de UEA en Uerdingen kun F-ino *Maria Bloser*.

**Edziĝoj.** — F-ino *Adelaide E. Hughes* kun S-ro *Frank V. Taylor*, ambaŭ anoj de UEA kaj de la Esperanta Societo en Sydney, Aŭstralio.

— S-ro *H. E. Roberts*, delegito en Accrington kun F-ino *P. Collinge* el Reddish, je la 23a de aprilo 1924.

— S-ro *Renaud Richez*, ekssekretario ĉe la redakcio de „Esperanto", Genève kun F-ino *Odette Girardin* el Areuse.

— S-ro *Robert Bolliger*, vic-del. en Bern kun F-ino *Klara Karl*.

— S-ro *Vojtěch Venský* kun F-ino *Anička Kuchařová* en Olomouc, Ĉeĥoslov.

— S-ro *Walther Gieseler*, dumviva membro en Berlin-Weissensee kun F-ino *Else Fischer* el Schönebeck.

— La 26 aprilo okazis en Terni esperanta edziĝo inter la samideanoj *Giovanni Travaglia* el Trento kaj F-ino *Lina Caporali* el Terni.

---

**Avanco.** — S-ro *Josef Řebíček*, membro de UEA, estro de komerca departemento de ŝtata fervoja direkcio en Olomouc, malpublika kaj serioza kunlaboranto ĉe fervoja faka terminaro estis nomita centra inspektoro. *A. K.*

---

**Jubileoj.** — S-ino *Anna Kaulfers*, patrino de la delegito en Franzendorf, Ĉeĥoslovakio festis sian 90an naskiĝdatrevenon, tute intelekte, ĝi legas ankoraŭ nian gazeton „Esperanto" *sen* okulvitroj.

— La delegito en Hannover (Germ.), S-ro *P. Gottgetreu* — al la kongresvizitintoj antaŭmilitaj konata kiel „Patro Fidela" — finis la 21 junio sian 70. jaron.

# Niaj mortintoj.

*Kun bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

S-ro **Richard Eisler**, membro de UEA en Olomouc, mortis 41-jara. Li estis komitatano de esp. societo kaj ekskursgvidanto. UEA estis por li la plej ideala asocio. Paco al liaj spirito kaj cindro. *A. K.*

S-ro **W. D. Ralph**, membro de UEA en London, mortis la 7 majo 1924.

S-ro **Mieczyslav Borucki**, membro de Esp.-grupo en Bydgoszcz al kiu li kiel presisto multe helpis per praktika laboro, mortis 22-jara. Lia optimista bonkora karaktero restos daŭre en nia memoro.

S-ro **Adam Walenty Dzierzawski**, oficisto de sukerfabriko en Dobrzelin, sindona esperantisto, unu el la pioniroj de esper. movado en Polio, mortis la 5 marto 1924, havante 53 jarojn.

S-ro **Nikolo Bubalo**, longjara delegito de UEA en Mostar kaj kompetenta Esperantisto pri lingvaj aferoj en Jugoslavio mortis la 16 januaro. Multon li verkis. En la oficejo li deĵoris ĉiutage de la 8 ĝis la 14. Post la tagmanĝo tuj li komencadis labori por Esperanto kaj ofte li restadis tiel ĝis profunde en la nokto. Dank' al lia senlaceco la sudslavaj gesamideanoj havas bonegan gramatikon (D-ro Maruzzi-Bubalo) kaj Esperanto-kroatserban vortaron. Antaŭ ne longe post preskaŭ kvinjara verkado li finis la kroatserban-Esperantan vortaron (1400 grandfoliaj paĝoj en manuskripto). Majstre li tradukis nacilingven la plej gravajn Zamenhof'ajn poemojn. *R. R.*

S-ro **Octaaf de Muynck**, membro de UEA 13924, mortis la 27 marto 1924 en Bruges (Belgio).

# ŜAKO

Gvidanto: *Fr. Hájek*, Praha-Nusle, Přemyslovo nábř. 396. Ĉeĥosl.

Ĉion kio koncernas ŝakon, sendu senpere al la gvidanto.

**Problemo N-ro 114.**
*M. Neumann.*
[Reprodukto].



Blanko matas per la **2-a** movo.

**Problemo N-ro 115.**
*L. Schór*, Budapest.
[Hampstead Telegraph and Post 1920].



Blanko matas per la **3-a** movo.

N-ro 114 estas kvazaŭ enkonduko en la solva sistemo de la multe pli malfacila n-ro 115. Kvankam la ambaŭ problemoj ne estas parencaj laŭ la enhavo, permesas la same lokitaj nigraj Kurieroj rilate al la nig. Reĝoj ekkoni, ke la solvo enhavas ion komunan. Efektive la pura kaj laŭ la materialo ekonomia minaco en la problemo 114 reaperas en 115 kiel flanka varianto.

**Ludo N-ro 9,** *ekludmaniero de Zukertort.*

El la internacia turniro de New York, aprilo 1924.

| | Blanko: *R. Réti.* | Nigro: *Bogoljubov.* |
|---|---|---|
| 1. | Ĉg1—f3 | Ĉg8—f6 |
| 2. | c2—c4 | e7—e6 |
| 3. | g2—g3 | d7—d5 |
| 4. | Kf1—g2 **a** | Kf8—d6 **b** |
| 5. | 0—0 | 0—0 |
| 6. | b2—b3 | Tf8—e8 |
| 7. | Kc1—b2 | Ĉb8—d7 |
| 8. | d2—d4 | c7—c6 |
| 9. | Ĉb1—d2 | Ĉf6—e4 **c** |
| 10. | Ĉd2×d4 | d5×e4 |
| 11. | Ĉf3—e5! | f7—f5 **d** |
| 12. | f2—f3 | e4×f3 |
| 13. | Kg2×f3 | Dd8—c7 **e** |
| 14. | Ĉe5×d7 | Kc8×d7 |
| 15. | e2—e4! | e6—e5 **f** |
| 16. | c4—c5! | Kd6—f8 |
| 17. | Dd1—c2! | e5×d4 |
| 18. | e4×f5 | Ta8—d8 **g** |
| 19. | Kf3—h5! **h** | Te8—e5 |
| 20. | Kb2×d4 | Te5×f5 |
| 21. | Tf1×f5! | Kd7×f5 |
| 22. | Dc2×f5 | Td8×d4 |
| 23. | Ta1—f7 | Td4—d8 **i** |
| 24. | Kh5—f7+ | Rg8—h8 |
| 25. | Kf7—e8!! | kaj Nigro rezignis. |

**a** ne estas necese timi pri la Pc4, ĝi estus facile regajnebla kaj krome akirus Blanko la centron per la movo e2 — e4; **b** pro kio ne preferi d5 — d4? **c** pozicia eraro de Réti bone eluzita, pli bone estis movi Dd8 — e7 aŭ Kd6 — a3; **d** alie ludante Nigro perdus la Pe4; **e** pli bone: Ĉ×e5, d4×e5, Kd6 — c5+, tamen restus al la Nigro malfacilaĵoj pro la neebleco evolui la Kc8 kaj Ta8; **f** minacis e4 — e5 post kio la Nigro estus tute premata; **g** post De5 sekvus Dc4 + kaj K×d4; **h** komenco de ĉarma kombino, kiu estis premiita per unu el la specialaj prezoj, donitaj al la plej bonaj ludoj de la turniro; **i** ankaŭ Dc7—e7 ne savus la Nigron. Blanko gajnus per Kf7 +, Rh8, Kf7 — d5!!

*Solvoj de la problemoj:*

**N-ro 110:** Rh2 — g1, Ke7 × d6 2. De2 — b2 m; Kg4×e2, 2. Td6—e6m; alia movo 2. De2—h2 m.

**N-ro 111:** 1. Kh5 — e2, Re4 × d4, 2. Ĉe5 — f3 + ktp.; Kc3 × d4, 2. d2 — d3 + ktp.; Ĉe7 — c6 +, 2. Ĉe5 × c6 + ktp.; alia movo 2. Ĉe5 — c6 + ktp.

**N-ro 112:** 1. b2 — b4, Rb5 × a4, 2. b4 — b4 ktp.; Rb5—c4, 2. d2—d3+ktp.; e6—e5, Td6—d5+ktp.

*Alvenis ĝustaj solvoj de la problemoj:*

N-ro 91, 103, 104, 106 Bahmen Shidani, Teheran [Pers.]; 108, 109 H. Sentis, Grenoble; 103, 108 S. Frantz, Paris; 107, 108 J. Schmid, Salzburg [Aŭstrio]; 108, 109 O. Czech, Brunnersdorf [Ĉeĥoslovakio].

*Korespondo:*

S-ro O. Czech, solvo de 107 per Kc3 × b4 ne estas ebla pro Rf6 kaj la R forkuras. — S-ro S. Frantz. Dankon por la afablaj klarigoj. La karto kun la solvo de n-ro 103 alvenis via New York, tial malfruiĝo. Gazeton danke ricevis.

Esperanto-Presejo Magdeburg-N